XIa jaro. No 165 (6) ☆ Duonmonata ☆ 5 aprilo 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poštĉeka konto I. 824.—Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## LA INDUSTRIAJ ELPENSOJ KAJ LA PACO

Ĉu vin ne mirigas la fakto, ke grava parto de la grandaj industriaj progresoj plenumitaj en la daŭro de la lastaj jaroj estis tuj de la komenco servigitaj por la milito, por la organizita kaj stulta hombuĉado! Teknikaj progresoj, kiuj ŝajnis aparte taŭgaj por certe kaj klare pruvi la superecon de la homa gento, estis malaltigitaj kaj malnobligitaj ĝis tia grado, ke je ĉiu nova elpensaĵo oni timtreme maltrankviliĝas, kiajn pretekstojn uzos la armeo por alproprigi al si tiun progreson; oni preskaŭ deziras, ke la elpensaĵo restu nekonita, prefere ol servi por tio, kio plej bone karakterizas la homan brutecon. Iom post iom oni antaŭtimas la novajn elpensaĵojn, kiam oni pensas pri ilia militista uzado.

Ĉu mi trograndigas? Permesu, ke por apogi tiun ideon mi citu — se ne tre multajn faktojn — almenaŭ kelkajn konvinkajn ekzemplojn elĉerpitajn el la sperto de la lastaj jaroj. Ĉiu rememoras, ĉu ne, pri la unuaj velocipedoj, la unuaj motorveturiloj kaj -boatoj. Nu, ni rimarku unue, ke antaŭ ol la aŭtomobilo estis tia, kia ĝi nun estas, antaŭ eĉ ol ĝi estis perfektigita tiel, ke ĝi povas venke konkuri kun la ĉevalo, la armeo kaptis ĝin, jam formis korpusojn de aŭtomobilistoj kaj ciklistoj, kaj per tio kreis novajn karierojn; nur, kelkajn jarojn poste, sekve de novaj teknikaj perfektigoj, la rapidaj mekanikaj veturiloj estis enkondukitaj en la ĉiutagan vivon.

La deziro certigi la militistan superecon atingas ankaŭ la sporton kaj ĝiajn perfektigojn. Mi memoras pri la apero de la unuaj skiistoj kaj pri la tuj poste publikigita novaĵo, ke armea komisiono sin serioze okupas pri la enkorpigo de skiistoj en la regula armeo. Ni ja scias, ke de tiam la plimultaj armeoj formis korpusojn de skiistoj. Iam, la mirigita mondo eksciis, ke S-ro Marconi praktike solvis la problemon de la radiotelegrafio. Kian eraron faris, kiu imagus, ke tiu mirinda fizika progreso, pri kiu sentis sin fiera la homaro, estus entuziasme akceptata de la civila loĝantaro, kompletigita kaj perfektigata de la teknikistoj! Malpli ol tri jarojn poste, la plimultaj armeoj posedis radiotelegrafiajn staciojn; nur pli malfrue, multe pli malfrue, oni ekpensis servigi tiun elpensaĵon por pacaj celoj, kaj nur poste — antaŭ ses jaroj — oni eksciis, ke la ŝipoj estos ligataj kun la marbordo per stacioj Marconi; fine, oni estis decidinta uzi tiun mirindan komunikilon por la bono de la homaro, ne sole por mortigaj militoj.

Je la proksima monato julio, sep jaroj estos forpasintaj de post la unua granda sukceso de aerŝipo Zeppelin. Mi ankoraŭ memoras pri la grandega entuziasmo, kiun elvokis la flugvojaĝoj de la fama elpensinto. La homo, estro de l'aero: tio estis penso alloga, kiu ne povis ne kortuŝi kaj entuziasmigi la homon ĝis la profundeco de lia animo. Oni facile antaŭvidis la senfinajn eblaĵojn, kiujn ekmontris la regado super la aero, ĝian gravecon por la ĝenerala progreso de la civilizacio kaj la feliĉo de la homaro. Oni jam prezentis al si la aerŝipon kiel ilon por frataj interpopolaj interŝanĝoj, oni ekvidis la forigon de la doganaj baroj, oni ekpensis pri alproksimiĝo de la popoloj, malgraŭ ... eraris!

En sep jaroj, aerŝipo Zeppelin fariĝis nenio alia ol aparte perfektigita detruilo. La maŝino, kiu ŝajnis difinita por alproksimigi la homojn super la landlimoj, kontraŭe amasigis barojn inter la homoj: anstataŭ faciligi iliajn reciprokajn komunikojn, la internacia juro de la aernavigado, kiun revis ni la optimistoj, fariĝis nova rimedo por defendo kaj izoligo; anstataŭ faciligi la internaciajn rilatojn, la aernavigado ilin malhelpis kreante novajn barojn.

Iam estis plenumita la plej intima dezirego de la homaro, ĝia, plej sentima kaj nobla revo, la plej sekreta el ĝiaj antaŭsentoj. Kio dum jarmiloj estis la plej alta el ĝiaj aspiroj, tio estis realigita de la mekaniko: la aviadilo aperis, kaj hometoj facile kaj lerte ekflugis tra la malpeza kaj blua imperio de Eolo. La homoj flugis! En malmultaj jaroj la aviado plenumis tiel surprizajn progresojn, ke de la ironia rideto sin detenis la plej pesimistaj, la plej malfidemaj. Efektive, la aviadilo estis realiginta eblecon de mirindaj komunikoj.

Denove ni estis tiel naivaj por esperi, ke la plej bela el la modernaj elpensaĵoj servos por la riĉigo kaj feliĉigo de la homa gento. Ni revis pri sciencaj esploroj, kiujn unuafoje la aviadilo permesus realigi; ni kredis, ke tiu maŝino fariĝos internacia komunikilo por la profito de la komerco kaj de la ĝenerala paco, ni jam vidis, ke la aeroplano fariĝos la plej rapida kaj rekta helpilo en okazo de akcidentoj kaj katastrofoj; ni vidis en ĝi rimedon praktiki la sporton, la plej belan, la plej noblan sporton — kaj denove kaptis ĝin la milito, kaj denove ĝin unuafoje praktike uzis la kolektiva hombuĉado. La aviadilo estas klasigita, kaj hodiaŭ estas konsiderata kiel terura armilo je la servado de la plej stulta neniigo de la homaj vivoj.

Tiel, oni fine demandas sin: ĉu necesa estis tia pligravigo de la milito per la teknikaj modernaj procedoj? Ĉu vere dezirindaj kaj ĝojigaj estas tiuj elpensoj, kiuj faras la militojn pli sangoplenaj kaj pli kruelaj, kaj nuntempe celas nur la detruadon?

Facile mi povus plimultigi la nombron de la ekzemploj. Nenio estus pli facila, ol pruvi, ke ĉian iom gravan elpenson la armeo studis kun tute speciala zorgo, ke sian gravecon ĝi akiris nur dank'al tio, ke la armeo uzis ĝin. Oni konfesos, ke tiu fenomeno ne estas digna je progresinta civilizacio. Kaj tamen?...

Jes, sendube, la elpensinto nenion povas sen la kredito; nur tiuj, kiuj havas multe da mono, kiuj estas kapablaj konfide atendi la rezultatojn de longaj eksperimentoj, povas doni tiun krediton, laŭ necertaj planoj, laŭ ĥimeraj revoj, laŭ kvazaŭaj kambioj, kies templimo ne estas fiksebla, kies elpago eĉ estas necerta. En nia epoko, nur la militarismo estas sufiĉe riĉa por tion fari. Ĝi efektive povas pagi al si tion, kio al neniu alia estas permesebla; dum ĉia alia administracio estas devigata raporti pri la uzo de ĉiu monero, ĝi povas elspezi grandegajn sumojn en la supera intereso de la patrujo, por la nobla celo de la nacia defendo... Estas permesite al ĝi konstante fari senfruktajn eksperimentojn, disponi gravajn kreditojn kaj laborigi multnombrajn elpensistojn; ĉu rezultas io aŭ ne, neniu pri tio ĝin faras responda. La elpensisto sola, kiam li ne estas sufiĉe riĉa por realigi siajn projektojn per propraj monrimedoj, estas ligata je unu sola kreditoro. Li ne sole serĉas aliloke la ekspluat-kapitalon necesan por la valorigo de liaj intelektaj kapabloj, sed ankaŭ ĉiujn materiajn kaj moralajn helpojn necesegajn por lia vivo: en la militarismo la elpensisto trovas sian solan monan apogon, kaj krediton la militarismo povas doni nur pro tio, ke ĝi fakte profitas financan senrespondecon.

En tiu rilato, tipa estas la ekzemplo de S-ro Zeppelin, kvankam ĝi ne prezentas izolan fenomenon. S-ro Zeppelin dediĉis homan vivon kaj gravajn riĉaĵojn por la realigo de siaj sentimaj revoj. Oferinte sian havaĵon li atingis sian celon; sed la fiera aerŝipo estus restinta vana provo, se la militarismo ne estus kaptinta ĝin kaj monhelpinta S-ron Zeppelin por daŭrigi la eksperimentojn.

Same, oni povas certege veti, ke la aviado estus ankoraŭ en infaneca periodo, sen la militistaj administracioj, kiuj komprenis, ĝis kia grado ĝi povas utili, kaj faciligis ĝiajn progresojn. Niaj plej bonaj aviadistoj nun mortus de malsato, se ili ne ricevus helpon de la armeo, ĉar ekster ĝi neniu interesiĝus pri ili. Nur pro tio, ke la armeoj suverene disponas grandegajn sumojn, ili povas helpi la uzon de tiaj ĉefgravaj elpensoj, kiel estas la aviado. Ni rimarku, ke la kreditoj, kiujn disponas la militistaj administracioj estas proksimume ĉiam la samaj, sendepende de la samtempa monkomerco kaj de la ĝenerala ekonomia situacio. La militistaj elspezoj ĉiam estas sur la unua vico; nur post kiam la armeo estas provizita, oni pensas pri la civila loĝantaro; la agrikulturo, la industrio, la komerco kaj la metioj vivu, kiel ili povas; ĉiuokaze la armeo tuj elprenas tion, kion ĝi bezonas. La armeo ĉiam havas krediton; tial, ĝi konstante povas doni ĝin al la elpensistoj.

Tia situacio unuavide ŝajnas iel pravigi la militarismon, ĝin preskaŭ senkulpigi. Ĉar la naivuloj povas diri: „Tio estas bona, ĉar parto de la sumoj englutitaj de la militarismo, reale servas por la progreso de la civilizacio; ni ne devas bedaŭri tiun monon, kiu estas uzata por utilaj celoj.“ Sed rigardante pli proksime, oni ekvidas la sofismon. La militarismo okupiĝas nur pri la elpensaĵoj, pri kiuj ĝi iel estas certa, ke ili servos por la tekniko de la milito; aliparte ĝi forigas la elpensojn de ilia civiliziga celo, de la servado al la vivo, kaj ilin servigas por la morto. Cetere, ĉar ĝi konscias pri sia administracia nerespondeco, la militarismo laboras neracie kaj kare.

Flanke de la elpensistoj, kies laboroj havas ian militistan utilecon, estas multaj aliaj, kiuj, ne malpli imagemaj, povus utili al la homaro per la rezultatoj de siaj esploroj kaj sia obstino. Sed por ili ne plu restas mono, ĉar pro la militistaj ŝarĝoj, kiuj premas ĉiujn landojn, elpensaĵo prezentas komercan valoron nur, kiam ĝi havas definitivan formon aŭ almenaŭ kiam oni povis pruvi ĝian teorian valoron; sen tio neniu aferisto — ni ne parolas pri maloftegaj amatoroj — riskos kelke da mono por ĝin utiligi.

Tial, sennombraj elpensaĵoj, kiujn povus profiti la homa gento, ĉiujare enforgesiĝas, ne ĉar ili ne estas praktike utiligeblaj, sed pro manko de mono. Tio ne estas trograndigo. Kiu atente legas, eĉ nur dum unu jaro, ĉiujn petojn pri fabrikmarko en unu lando, kaj konstatas, kiom da prudento kaj lerteco montriĝis en la amaso de la elpensaĵoj, kies leĝprotekton oni postulas, kiom da sagaceco, da intelekta kapablo, da civiliza dinamismo, estis elspezitaj por ilin koncepti kaj realigi, tiu estos malĝoje surprizata fine de la jaro konstati, kiom malmultaj tiaj patentoj estis uzitaj. Kial? Ĉar plej ofte estas neeble pro monmanko ilin valorigi por alkonduki nian civilizacion al tia industria perfektigo, kiun ĝi devus jam atingi: la militarismo jam akaparis ĉion disponeblan.

Inter la viktimoj de la militarismo en paca tempo, la penslaboristoj estas sur la unua vico; tiuj oferoj valoras tiujn de sanga batalo, tiom pli, ke tiuj viktimoj rekrutiĝas inter la plej utilaj kaj kapablaj homoj, inter kiuj, dank'al kies imagado kaj lerteco pli agrabla povus fariĝi la vivo kaj la sorto de la homoj. Al ili mi altiris la atenton, ĉar la pacamikaj rondoj eble tro malmulte interesiĝas je tiuj viktimoj de la militarismo, pro tio, ke ne rekte ili suferas de ĝi.

Al la paco servu la progresoj de l'industrio!

*C. A. Loosli.* (Trad.[1] *A. R.*)

[1] El *Le Mouvement Pacifiste.*





# SOCIA VIVO



## Ukraina poeto: Taras Ŝevĉenko

La 25 februaro (malnovstile) de la nuna jaro finiĝis cent jaroj depost la naskiĝtago de la glora ukraina poeto Taras' Ŝevĉenko. Tuta multmiliona nacio pretiĝas inde honorigi la helan memoron de l'geniulo, plej granda slava poeto. Do, estu al mi permesite konatigi la tutmondan Esperantistan familion kun eminenta viro.

Ŝevĉenko estis vere popola poeto. Sub tio oni ne devas kompreni, ke li estis simpla kantisto de la popola idilia vivo — ne, sed ĉar li vivis en la epoko de servuto, kiam homo servuta estis konsiderata kiel ordinara bruto; kiam superulo[1] „rajtis" sian servutulon laŭvole edzigi, soldatigi, vendi, interŝanĝi je hundo, ekzili kaj eĉ mortigi — tiutempe la popola poeto ne povis prikanti idilion... Krom tio Ŝevĉenko mem estis filo de servutulo; do sur sia haŭto li sentis la tutan pezon de la servutula vivo. Lia animo suferis pro turmentata samsanga popolo. Kion li deziris, amis aŭ malbenis — tion deziris, amis kaj malbenis tuta popolo. Li similis kordon, kiu sopire aŭ malgaje resonas, kiam ĝin mano tuŝas. Ŝevĉenko kiel vere popola poeto postulis, ke ne estu premata popola rajto, ne estu forprenata libereco.

Konsciĝu! —
Ĉiuj estas en la mondo
Adamaj gefiloj.

Se ni tralegas liajn verkojn, ni vidas, ke Ŝevĉenko estas ne nur ukraina popola poeto, sed poeto de tuta simpla popolaro. Tiutempe, kiam li verkis, en tuta Ruslando regis servuteco. „Homoj" tiam ne estis, estis nur „superuloj" kaj „subuloj". En Ukrainujo ili eĉ per la lingvo diferenciĝis — estis du lingvoj: „superula" kaj „subula". Do, en tiu tempo, kiam pleje regis superula „rajto" rilate subulon, eksonis en Ukrainujo voĉo forta, malproksimen aŭdata, precipe, se oni konsideros ĝian eliron el brusto de subulo servuta. Ŝevĉenko ekparolis per nova, fajra vorto, kaj lin komencis atenti eĉ tiuj, por kiuj ĝi ne estis laŭgusta.

Defendante la popolan rajton, la poeto sin turnis per indignoplena vorto al tiuj, kiuj piedpremis tiun rajton, al superuloj tiutempaj: „Vi, rabistoj, la korvoj malsataj! Kialeĝe, kiarajte vi per ĉies propra tero, per homoj komercas? Konsciiĝu, ĉar ne bone por vi estos!"

Kaj kvankam li vidis, ke ĉiutage, ĉiuhore la rajto popola estas malŝatata, li tamen ĉiam esperis, ke „Ne longe en tiu ĉi mondo ekzekutistoj regos — venos vero, venos liberiĝo". Malgraŭ tio, ke Ŝevĉenko indigne bolis kontraŭ la popolaj malamikoj, li ne opiniis, ke veron oni povas atingi per la forto. „La amo, mildeco kaj bono, plej bela bono en mondo estas — fratamo" diras li en sia verko.

Ŝevĉenko opiniis, ke plej ĉefa rimedo por venki la maljustecon, malveron estas: „vorto de sankta racio", kleriĝo, ĉar kontraŭ ĝi neniu malbono rezistos. Kiam la popolo havas bonan klerigon kaj la klerigo estas farata sur natura grundo, en gepatra lingvo, sed ne en fremda[2], tiam ĝi komprenos, kiu li estas kaj kio fariĝas ĉirkaŭe". Kaj kiam ekregos tiu bona klerigo — tiam „Oni forgesos malindan daŭran epokon, kaj renaskiĝos bona famo de Ukrainujo: kaj ekbrilos lumo trankvila, nekrepuska."

[1] Tiuepoke homoj estis dividataj je du klasoj: superulo (bienuloj, aristokratoj) kaj subuloj (servutaj vilaĝuloj). — *Rim. de l'trad.*

[2] En rusregna Ukrainujo infanoj estas instruataj en rusa lingvo, tial fininte lernejan kurson, ili tre baldaŭ forgesas legiscion, ĉar ĉiumomenta praktiko postulas de ili nur gepatran ukrainan lingvon. — *Rim. de l'trad.*

Por tiu ĉi sincereco kaj amo al mizera popolo, por instruo Ŝevĉenko estis amata de tuta popolo kaj restos tia por ĉiam:

Al vi patro — la honoro,
Dum la homoj vivos
Dum sun' brilas el ĉielo,
Eterna memoro.

Ŝevĉenko naskiĝis en Kieva gubernio, en servutula familio la 25 februaro (malnovstile) 1814. Je la dekdua jaro li plene orfiĝis. Ŝevĉenko lernis komence ĉe diakonj[1], sed li forkuradis de unu al la alia ne trovante ĉe ili „instruon". Malgranda Taraso havis krom tio inklinon pentri. Deksesjaran Ŝevĉenkon, la bienulo, intencis fari kuiristo, sed senrezulte, ĉar tiu ĉi ofte lasinte kuirilaron, forkuris en la ĝardenon, kie li kaŝite pentris. Rimarkinte tion la bienqvidanto konsilis al la bienulo fari Ŝevĉenkon pentristo. Forveturante Vilnon, S-ro Engelgardt, la bienulo, kunprenis Ŝevĉenkon kiel „kozaketon"[2]. Estante en Varsovio, Engelgardt instalis Ŝevĉenkon ĉe pentristo, post jarduono ĉe la alia, fama portretisto Lampi, sed baldaŭ la bienulo forveturigis Ŝevĉenkon en Peterburgon. Tie Ŝevĉenko akiris multajn konatojn inter verkistoj kaj pentristoj, kiuj komencis klopodi pri ebleco por Ŝevĉenko lerni en la Pentrarta Akademio. Sed ĉar li estis servutulo, sen la volo de la mastro oni tion ne povis fari. Je la peto liberigi Ŝevĉenkon, Engelgardt postulis 2650 spesmilojn. Pentristo Brjulov faris portreton de verkisto Jukovskij kaj per la mono gajnita post la vendo aĉetis liberecon por la dudekkvarjara Ŝevĉenko, kiu eklernis en la Akademio.

Sed fama fariĝis Ŝevĉenko ne per pentrado, sed per versaĵoj, kiujn li verkis en gepatra ukraina lingvo. En 1840 estis eldonita en Peterburgo lia libreto „Kobzarj". En 1843 Ŝevĉenko vizitis Ukrainujon. Granda malĝojo kaptis lian koron, vidinte „fratojn kaj fratinojn bienulaj sklavoj". „Ĉie mi estis — diris li poste — kaj ĉie mi ploris."

Satvidinte propraokule, kiel „homoj ploras, interŝanĝas la katenojn, la veron komercas, ne estimas Dion, homojn junge ŝarĝas" Ŝevĉenko indigne ekflamis kontraŭ tiuj, kiuj estis plej kulpaj en tiu homa maljusteco: bienuloj, estraro, liaj sampatrujanoj, kiuj, fariĝinte aristokratoj, rezignis ĉion gepatran kaj „pli kruele ol ekzekutistoj Ukrainujon krucumis."

En 1845 Ŝevĉenko denove vizitas Ukrainujon. Tie ĉi li verkas plej bonajn siajn poemojn. Tiutempe en Kievo inter honesta verama junularo fondiĝis grupeto da homoj, kun celo porti al la malklera popolo scion, kaj fari liberaj ĉiujn sklavojn. Aliĝis tiun grupon Ŝevĉenko. La nomo de la grupo estis: „Kirila-Metodia Societo".

En 1847, pro denunco de studento Petrov, Ŝevĉenko kune kun verkisto Kuliŝ' kaj historiisto Kostomarov, estis arestita kaj metita en Petropaŭlan citadelon en Peterburgo. En majo de sama jaro oni pune soldatigis Ŝevĉenkon kaj sendis en Orenburgon kun malpermeso pentri kaj verki. De tie oni ekzilis lin en Orskan citadelon. En 1848 li estis sendita al Arala maro. Nur en la jaro 1855 estis al li permesite skribi; tamen ne en gepatra lingvo, sed ruse kaj sub kontrolo de oficiro.

Plej belaj dek jaroj, eventuale plej fruktoportaj, estas forstrekitaj el lia vivo. La malliberigo englutis plej valoran trezoron ne nur de Ukrainujo, sed de tuta slavaro, de tuta homaro. Nur en 1858, laciĝinta, maljuniĝinta, Ŝevĉenko ricevis la permeson reveni Peterburgon kaj loĝi tie sub la observo de polico. En la jaro 1859 Ŝevĉenko vizitis Ukrainujon, kie pro denunco oni lin arestas, sed tuj liberigas pro senkulpeco. Tiutempe li volis aĉeti pecon da tero

[1] Preĝejaj psalmolegistoj, kantistoj. — *Rim. de l' trad.*

[2] Kozaketo tiutempe: knabo-lakeo. — *Rim. de l' trad.*

apud rivero Dnipro, por pasigi siajn lastajn jarojn kaj por esti tie enterigota. Ankoraŭ antaŭ la ekzilo li skribis en sia versaĵo „Testamento“:

Kiam mortos, enterigu
Min en la steparo,
Sur monteto apud Dnipro
En Ukrain' kara . . .

El Peterburgo Ŝevĉenko pere de parenco aĉetis la deziratan teron, sed ne prosperis resti sur ĝi dumvive, nur postmorte.

La 26 februaro (malnovstile) 1861 Ŝevĉenko ĉesis vivi. Nur unu tago mankis al lia vivo por vidi la liberigon de la servutuloj, tiun liberigon, por kiu li batalis kaj suferis mallongiginte sian vivon, ĉar la ekzilo plene difektis al li la sanon.

Enterigita Ŝevĉenko estis provizore en Peterburgo, sed poste liajn korprestaĵojn oni transportis kaj reenterigis sur apud-Dnipra altaĵo, proksime de urbo Kanev, en Kieva gubernio. Multaj miloj da homoj venas ĉiujare tien por saluti la cindron de l'granda viro.

En tiu ĉi jubilea jaro en Kievo, per la sumo kolektita inter ukraina popolo, ĉirkaŭ 150.000 spesmiloj (plejparte donacoj egalis kelkajn spesdekojn), oni konstruos belan monumenton laŭ la projekto de skulptisto A. Ŝiortino, el Romo. *Anatolo Koĥ* (Varsovio).

---

## Nuntempa Maroko kaj ĝia evolucio

II

Oni nuntempe facile iras de Casablanca al Marrakeĉ, la ĉefurbo de l'Sudo, kiun la franca armeo okupas de septembro. La vojaĝo estas tiom pli rapida, ke oni povas fari ĝin — ĉirkaŭ 220 kilometroj — per aŭtomobilo. Ne ekzistas veturebla ŝoseo; eĉ en la parto nomata Ĉauja (Chaouia), kie Francujo sin establis de kvin jaroj, oni ne ankoraŭ konstruis ŝoseon. Sed la indiĝena vojo, apenaŭ plibonigita ĉe kelkaj partoj, estas praktike uzebla por aŭtomobiloj dum seka vetero. Kiam pluvis oni enmarĉiĝas en la nigra grundo de la Ĉauja. Ĉiuokaze la vojaĝantoj kuraĝas fari la vojaĝon per aŭtomobiloj, malbonaj maŝinoj lueblaj en Casablanca. La indiĝenoj mem ekŝatas tiun transportilon.

La Ĉauja regiono estas vasta ebenaĵo ondolinia kaj malgaja, sen arbo, kun profunda kaj peza grundo. Preskaŭ ĉie ĝi estas bone kulturita; ĉi tie kaj tie oni ekvidas kasbah'on, kiu protektas vilaĝon. La Beduenoj drapiritaj en sia ampleksa mantelo, kondukante la ŝafojn aŭ la kamelojn, sensurprize vidas la aŭtomobilon; jam alkutimiĝintaj al nia eŭropa maŝinaro ili estas. Nur unu gravan vilaĝon oni trapasas, nome Seltat, samtempe centro por la franca okupo. En la regiono kelkaj bienoj estis aĉetitaj de Eŭropanoj, sed la provoj de koloniigado ĝis nun ne donis kontentigajn rezultatojn pro la plikariĝo de la manlaboristoj, sekve de la franca okupado, pro la manko de komunikiloj, pro la neebleco malkare venigi la necesajn ilojn aŭ konstrumaterialon. Plej saĝe estas nun kulturigi per indiĝenaj kunuloj kaj atendi. Post Khemisset, je la unua triono de la vojo, la grundo malriĉiĝas. Oni trovas nur malgrasajn kampojn, kie tamen la hordeo kreskas meze de la ŝtonoj, kaj grandajn nekulturitajn terspacojn, kie sin paŝtas aroj da ŝafoj kaj kaprinoj. Per ŝipponto oni trapasas Umerebia, kaj oni transiras montetaron, kiu estas la unua ŝtupo de Atlaso. Ju pli oni antaŭeniras, des malpli riĉa estas la grundo; de Ben-Guedir, ĝi estas dezertaĵo, vastega etendaĵo de ŝtonetoj, kie ialoke kreskas herbeto. Kontraŭe estas la blueta kaj nuda montaro Djebilet, paralela al Atlaso. Kaj tiel oni dum horoj veturas rekte antaŭen, sur la senfrukta ebenaĵo. Tamen, akvotavolo, kvazaŭ lago meze de la kanoj, ŝajnas kovri tutan flankon de la ebenaĵo kaj eĉ bari la vojon: tio estas la afrika okuliluzio, la trompema kaj elreviga akvo tiom pli malproksimiĝas, kiom vi antaŭeniras. Fine, jen Djebilet, kie la vojo pasas tra mallarĝa intermonto, inter ardezaj piramidoj. Post tiu montomuro oni ekvidas, antaŭ si, la majestan Atlasan montaron, kaj je ĝia piedo la oazon Marrakeĉ.

Kiam, post horoj de vojirado tra la dezerto, oni alvenas en Marrakeĉ, oni almenaŭ esperas trovi ian belegan juvelon, enfiksitan en tiu tera kaj malgaja gango. Oni certe devas moderiĝi. La dezerta ebenaĵo etendiĝas ĝis la uedo Tensift, kiun trapasas ŝtonponto, kie okazis, la 8 septembro, la lasta batalo de la militkorpuso Mangin antaŭ la eniro en Marrakeĉ; poste komencas la palmarbaro, maldikaj kaj senplumaj palmarboj, kreskintaj en malriĉa grundo, kiuj suferas pro la malvarmaj blovoj el la neĝoj de la Atlaso, kaj kies daktilojn oni malmulte ŝatas. Baldaŭ oni alvenas ĉe la altaj remparoj de la urbo, kiuj ĉe kelkaj punktoj absolute samlimas kun la dezerto. La interna aspekto de la urbo, ĉu se oni promenas tra la kvartalo de la ĝardenoj, inter altaj termuroj, ĉu se oni erarvagas en la kvartalo de la souk'oj inter vicoj de butikoj, sub kanaj pordotegmentetoj, ne modifas la unue trasentitan tute Saharan impreson. Sen la suno, kiu nobligas la kadukecon de la ruiniĝantaj muroj, la vulgarecon de la metiistaj budoj kaj eĉ la malpurecon de la mallarĝaj stratetoj, la aspekto ŝajnus sufiĉe mizera; ĝi estus pli inda je ia Sahara vilaĝo ol je granda urbo, unu el la ĉefurboj de la sultanlando.

Tamen, oni ne devus fidi je tiu unua okulrigardo, ĉar Marrakeĉ, kiel restadejo de la riĉaj mohametanoj, kaŝas siajn belaĵojn malantaŭ malpuregaj alirejoj. Por havi ĝeneralan vidaĵon super Marrakeĉ, oni povas supreniri al Gueliz, ŝtona pinto superstaranta el la ebenaĵo, je la distanco ekster la remparoj; de malproksime ĝi ŝajnas granda kuŝanta leono, stariganta fieran kapon super la palmarboj de la oazo, admirinda situacio de gravega strategia valoro, kiun kronas fortikaĵeto nun konstruata. La vidaĵo estas tre vasta. Sude, la belega Atlasa montaro kun la brilegaj neĝpintoj, el kiuj la plej altaj atingas, oni diras, kvar mil metrojn; tiun regionon ili superregas per sia radia beleco. La suno flirtas en la kristaleca atmosfero kaj la spegulo de la glaciejoj, dum la profundaj valoj kaj unuaj montflankoj dronas en bluaj kaj velurecaj koloroj. Ĉe la alia flanko, norde, aperas la paralela montaro de Djebilet, kun multpintaj formoj, skistaj montoj kun flankoj nudaj aŭ kovrataj de maldensa herbo, kiu sub la rekta sunlumo sin ornamas je rozkolora nuanco. Malsupre de la monto, la militista kampo, simpla enfermaĵo, kie la diversaj armepartoj vivas sub la tendo, la ĉevaloj simple alligitaj sub la libera ĉielo, ĝis estos preta sude de Gueliz la definitiva militista urbo. Fine, rekte antaŭe, estas la oazo de Marrakeĉ kaj la bruna makulo de la urbo, farita el la tero de l'dezerto. La tegmentoj kaj la muroj sammaniere fasonitaj kunfandiĝas, kaj oni sin kredus antaŭ laboraĵo de termitoj aŭ de kastoroj, se ne estus kelkaj minaretoj, kies sentima kaj gracia reliefo superstaras la konfuzaĵon de la malaltaj domoj kaj de la plataj tegmentoj; tiaj estas la Kukubia turo, la turo de Hassan de Rabat, alta je okdek metroj, kvadrata turo ornamita de verdaj fajencoj, kiu de malproksime ekvidata el la ebenaĵo aŭ el la monto, antaŭmontras al la dezertulo, al la vojaĝanto el Suss aŭ el Tafilalet la belegecon de la ĉefurbo de l'Almoravidoj.

Ĉirkaŭ Marrakeĉ, ekstere kaj eĉ interne de la remparoj, kuŝas verdaĵo, ĝardenoj, videble konkeritaj el la dezerto dank' al admirinda irigada laboro. Oriente aŭ okcidente, la rigardo atingas nur dezertan ebenaĵon, senfruktan grundon de bruna argilo kaj de ŝtonetoj. Sed de loko al alia la abunda akvo de la profundaj fontoj estas alkondukata al la

surfaco per longa subtera galerio, kiu foriras de la punkto, kie puto atingis la akvotavolon, kaj la rivereto, kiu elgutas de tie, zorge diskondukita, kreas oazon, fruktodonigas ĝardenojn, kulturejojn. Tiuj kvadratoj de verdaĵo, ĝenerale ĉirkaŭitaj de termuroj, kuŝas tie ĉi kaj tie meze de la dezerta ebenaĵo. Ĉe la najbareco de Marrakeĉ ili fariĝas pli vastaj kaj pli proksimaj. Multaj estas la fontoj, kiuj konverĝas al la granda urbo, irigadas la ĝardenojn, provizas la fontanojn kaj lavejojn, tre multnombrajn per bela klara akvo.

*(Daŭrigota.)* Laŭ *P. Duchesne-Fournet.*
Trad.[1] *A. R.*

# La sep modernaj mirindaĵoj

II

*La aeroplano*[2]

Unu el la plej mirindaj eltrovaĵoj de la XIXa jarcento estas sendube la aeroplano. Ĝi estas esence el angla deveno.

En 1809 Sir Georges Galey publikigis raportojn pri siaj modeloj, kiuj oblikve alteriĝis kun bona ekvilibro. Li determinis la pezcentron de tiuj flugoj kaj kalkulis la pezon de la motoro.

En 1842 Samuel Henson petis patenton por monoplano, ŝajne tute bone konstruita — motoro, helico, radkadro, flugiloj taŭge pendigitaj kaj fleksetitaj, kovrataj de vertikalaj kiloj.

Kvar jarojn poste, lia kolego Stringfellow konstruis vapormonoplanon, kiu flugis laŭ spaco de 40 metroj. En 1868 li konstruis triplanon, funkciigatan per du helicoj movataj de vapormotoro.

La aeroplano kun surmetitaj surfacoj estis patentigita de Wenham en Anglujo je 1866, kaj aeroplano kun kavaj surfacoj de Philippo je 1884. Je tiu epoko, Philippo, uzante ventotubon estis determininta la diversajn kavajn formojn de la flugiloj, kiuj estas analogiaj kun la plej bonaj nunaj konstruaĵoj.

La sistemo de la direktadkontrolo estis elpensita de Boulton en Anglujo je 1868. Aliaj sistemoj pri la konstruado de la flugiloj, pri la regado de la ventoj, estis publike priskribitaj de Ader en Francujo kaj de la aŭtoro de tiu artikolo je 1893. Ĉe la maŝino de Ader estis radoj por la alteriĝo. Flosiloj en okazo de enakviĝo estis elpensitaj de Kress el Wien je 1898. Maltullah, el New-York, prenis je 1899 patenton por kompleta hidro-aeroplano kun du flosiloj.

Antaŭ la fino de l'deknaŭa jarcento, la gazolinmotoro estis proponita por movilo de aeroplano; pluraj estis konstruitaj laŭ tiu nova speco.

En 1898 Balzer, el Nov-Jorko, ekkonstruis por Langley rotacian motoron de kvin cilindroj, je malvarma aero kaj gazolino, kun forto de 12 ĉevaloj, pezanta 100 funtojn. De tiam Manley konstruis por Langley gazolin-maŝinon, kun 50 ĉevalfortoj kaj pezo de 200 funtoj. Tio estis en la historio de la aeroplano la unua motoro, kiu plenumis la kondiĉojn necesajn por transportado de pasaĝeroj. Ĝi estis projektata en 1900 kaj finita en 1907 post eksperimentoj kun modelo kvarone pli malgranda.

Notinte la ĉefe anglajn originojn de la aeroplano, ni povas paroli pri la progresoj enkondukitaj de la praktiko.

Citinda estas la malpeza maŝino de Lilienthal en Germanujo, poste eksperimentita de Pilcher el Glasgow kaj de Chanute kaj Herring el Chicago, kiuj plibonigis ĝiajn flugilojn laŭ la kava formo uzata por la biplano. Pri la unua grava flugo oni povas citi Ader kiu, en 1890, flugis je alteco de 45 metroj per monoplano sur radoj, movata per vapormotoro je du helicoj; poste Maxim, tri jarojn poste, kiu faris eksperimentojn en multiplano pezanta 3,5 tunojn kaj kapabla porti unu plian tunon. Rilate al stabileco aŭ longa flugado neniu el tiuj maŝinoj estis perfekta.

La 6 majo 1896 Langley provis stabilan vapormotoran aeroplanon, kiu flugis je 900 metroj. En aŭgusto 1903 li provis benzinmotoran aeroplanon. En septembro, la sama provis la unuan aeroplanon por pasaĝeroj, kun benzinmotoro, tre stabilan kaj kapablan longe flugi.

La 17 decembro 1903 fratoj Wright flugis per aeroplano, kiu prenis pasaĝeron dum unu minuto kaj sukcese alteriĝis. En tiu tago tri mallongaj flugoj estis plenumitaj; plene kontentigitaj estis la atestantoj.

Dum vintro 1911 S-ro Curtiss faris la unuajn sukcesajn flugojn per hidro-aeroplano.

Ni koncize menciis la progresojn de tiu mirinda aerkomunikilo, de ĝiaj unuaj elpensintoj, sciencisto Galey kaj inĝeniero Henson, ĝis la nuntempaj perfektigoj. Tiu elpenso estas certe ankoraŭ en infaneca periodo kaj ne taŭga por la ĉiutaga praktiko. Tamen, la aeroplano plenumis brilajn rekordojn; ĝi atingis rapidecon de 200 km. hore, supreniris ĝis 6000 metroj, transportis 15 pasaĝerojn, flugis super la montoj, la maro kaj la kontinentoj, superregis la ventegojn kaj la nubojn. Kiam ĝi estos perfektigita tiel, ke ĝi taŭgu por tute regula servado, kiu estos konsiderata kiel ĝia elpensinto? Kia estas ĝia loko inter la glorajoj de l'homa genio?

*La Radiumo*[1]

Por la tuta sciencularo la eltrovo de la radiumo estis plej pasia enigmo. Post la bankroto de tiom da geniuloj en la serĉado de la konstanta movado, post ilia senfrukta penado por la transformo de ĥemia elemento en alian, post kiam la mondo kredis pri la neebleco de tiuj fenomenoj, la eltrovo de la radio-aktiveco montris, ke en ambaŭ okazoj ĝi estis malprava.

La eltrovo de la radiumo estis la neevitebla rezultato de la provo de Becquerel en 1906, kiam li serĉis ĥemian substancon, kiu povus produkti la radiojn X. Tiu fama franca sciencisto ŝajnis sukcesi, kiam li eltrovis, ke ĉiuj komponaĵoj de l'uranio elmetis radiojn, kiuj simile al la radioj X, povis penetri solidan materion kaj impresi fotografplatojn. Tiel estis eltrovita tre rimarkinda fakto: la efikoj de la uranio estis multe pli gravaj ol povis supozigi la komponaĵoj de l'uranio. Tiu eltrovo instigis S-inon Curie, la brilan edzinon de P-ro Curie, kolego de Becquerel, serĉi aliajn aktivajn substancoj en tiuj mineraloj. Post du-tri jaroj de senĉesa penado, oni rikoltis el tuno de mineralaĵo kvanteton de radiumo tioma, ke ĝi povis surkovri nur dekcentiman moneron, en formo de pura radiumo klorida, blanka kaj kristaleca substanco, kiu, je egala kvanto, estas milionoble pli aktiva ol la uranio. Radiumparteto, ne pli granda ol pinglokapo, povis produkti fotografaĵon en unu aŭ du minutoj. En la mallumo la radiumo mem malforte brilis kaj intense traradiis kelkajn mineralojn, ekz. la zinko, la sulfuro de zinko aŭ la diamanto.

Ne sole la lumo, sed ankaŭ la varmo estas ankaŭ produktata de la radiumo. Komence oni opiniis, ke tiu varmo estas produktata konstante, sen ia konstatebla disperdiĝo de radiumo. Oni konkludis, ke la radiumo estas konstanta fonto de energio. Ni nun scias, ke la grado de varmeco malpligrandiĝas, kaj ke donita kvanto de radiumo povas liveri nur certan kvanton de varmo aŭ de energio; tiu varmo

[1] El „La Revue hebdomadaire" (Paris).

[2] Traduko de artikolo de inĝ. Albert F. Zahn, prezidanto de la Aeronaŭtika Komisiono de la Usona Aeroklubo.

[1] Traduko de artikolo de P-ro Herbert N. McCoy, profesoro de ĥemio ĉe la universitato de Chicago.

estas tamen milionoble pli aktiva ol tiu, kiu rezultas el egala pezo de karbono. La fizikaj kaj ĥemiaj aktivecoj de la radiumo estas ankaŭ temoj de tre grava intereso.

Trispecaj estas la radioj de radiumo: radioj „alpha", „beta" kaj „gamma". Tiuj lastaj estas proksimume samaj kiel la radioj X. La radioj „beta" estas parte elektronegativaj, kurantaj je rapideco de 100.000 sekunde. La radioj „alpha" moviĝas preskaŭ tiel rapide kiel la radioj „beta". La identigo de la radioj „alpha" al la atomoj de l'gaso helio estis grava eltrovaĵo, kiu parte klarigis la misterojn de l'radiumo. Krom la heliumo, la radiumo produktas ankaŭ gason, kies eliĝaĵo, kiel la radiumo mem, estas ekstreme radioaktiva. Oni devas konsideri, ke la gaso heliumo kaj tiu eliĝaĵo estas du substancoj materiaj; je la ĥemia vidpunkto, la ŝanĝiĝo de la radiumo en unu el tiuj gasoj estis tiel mirinda, kiel estus la transformiĝo de l'arĝento en oron. Sed tio estas nur parto de la demando. La radiumo estas konstante produktata de la uraniumo, kaj tre kredeble la fina rezultato de la eliĝaĵo produktas la plumbon.

Ĉiu kompleta teorio por klarigi la radioaktivajn fenomenojn devas kompreneble bazi sur sistemo pri la eco kaj konsisto de la atomoj. Evidente estas, ke ni ne povas konsideri la atomojn kiel solidajn kaj nedivideblajn erojn. Oni ĝenerale opinias, ke la atomoj konsistas el infinite malgrandaj kaj el heliumo moviĝintaj laŭ koncentraj rondoj je grandega rapideco.

Estas nun pruvite, ke la ŝanĝoj produktitaj de la radioaktiveco estas spontanaj kaj ne povas esti influataj de la homa potenco. La ĥemiisto estas ankoraŭ senpova por transformi iun elementon en alian.

---

# ✱ NOTOJ ✱

∴ **Nova propono pri propoporcinombra elekto ĉe deputatĉambro.** — Poŝtestro Kornerup el Holbæk (Danujo) en tiuj ĉi tagoj elsendis malgrandan broŝuron france kaj Esperante kun la supre-nomita titolo, konsistantan el 3 artikoloj.

En artikolo *1* estas prezentata tiu opinio, ke en Danujo oni kontraŭstaras proporcinombran elekton ekster la grandaj urboj, ĉar oni deziras konservi inter la elektantoj kaj la deputato la personan kontakton, kiun oni havas en unudeputataj distriktoj (t. e. distriktoj, en kiuj oni elektas nur 1 deputaton). Diversaj Danoj, i. a. adjunkto A. Thilo, eksministro V. H. O. Madsen kaj inĝeniero H. A. Hammerich tial estas provintaj kombini proporcinombran elekton kun elekto en unudeputataj distriktoj. Poŝtestro Kornerup proponas apliki ĉi tiujn proponojn en tia maniero, ke la duono de la deputatoj estas elektataj en unudeputataj distriktoj, dum la alia duono estas havata inter la neelektitaj kandidatoj, tiamaniere ke ĉiu partio ricevas tiel multe da „kompletigantaj kandidatoj", ke ĉiu partio entute precize ricevas tiom da deputatoj, kiom la partio rajtas laŭ la proporcia nombro.

Plie S-ro Kornerup proponas, ke la proporcia nombro estu sumigata interne de certaj landdistriktoj, ekzemple por Danujo: respektive oriente kaj okcidente de Lillebælt; por Belgujo oni povus ekster la ĉefurbo Bruselo havi 2 landdistriktojn: la flandran kaj la valonan parton; en Svisujo ekz. 3 landdistriktojn: la germanan, la francan kaj la italan-retoromanan parton, eĉ tiamaniere, ke ne teritoriaj sed nur lingvaj limoj estu konsiderataj „La kompletigantaj kandidatoj" do estos el sama lingvogrupo. En artikolo *2* S-ro Kornerup proponas plie, ke la mandatoj estu dividataj inter la partioj ne laŭ la metodoj de la Dano André aŭ la Belgo D'Hondt, kiuj ambaŭ estas tre malĝustaj, „sed laŭ la metodo de la plej granda ono" kun la jena limigo: „Neniu partio (aŭ grupo de pluraj partioj) povas ricevi la plimulton da mandatoj, escepte se ĝi (aŭ la grupo) estas ricevinta la plimulton da voĉoj."

En artikolo *3* S-ro Kornerup proponas doni al la elektantoj influon pri la vico, en kiu la kandidatoj troviĝas sur la partilistoj uzante „la kunamasigitan voĉdonadon" interne de ĉiu landdistrikto. La proponoj meritas tre detalan diskuton en la landoj, kie oni estas enkondukinta aŭ intencas enkonduki proporcinombran elekton ĉe elekto al deputatĉambro. — *Fr. Baruel.*

∴ **Florentino Ameghino.** — En Argentina Respubliko oni antaŭ nelonge memorfestis la duan jardaton de kiam mortis la eminenta scienculo, kies nomo estas la titolo de ĉi tiu mallonga kroniko.

Ĉu vi konas la laboron de tiu nelaciĝema elserĉinto de la naturo?

Ameghino estis scienca homo laŭ la preciza senco de la vorto. Li skribis ĉirkaŭe du cent verkojn, trovis multe da bestaj specoj, kiujn li difinis, kaj klarigis multajn misterojn de la geologio. Li trovis, ke Patagonio (sudo de Argentino), estis la praeca lulilo de ĉiuj mambestoj — tial de la homo — kiuj okupas la supraĵon de l'terglobo.

Pri la mondo, li klarigis pli-malpli la jenon:

En aliaj epokoj, la mondo ne estis geografie difinita kiel nun. Floris en ĝia komenco la unuaj teroj, kiuj eksteriĝis el la akva ĥaoso — arĥaikaj insuloj dissemitaj je la bolanta Oceano, ĉe kiuj sin trovis la montaroj de Tandil (Argentino) — silentaj alestantoj de la tuta tera evolucio; poste, dum la epokoj karboproduktaj kaj kreteca, la kontinentoj ŝanĝiĝis. Kolosaj teroj kiel Gondwana, sterniĝis de la okcidentaj regionoj Argentinaj ĝis la orientaj de Queensland kaj New South Wales, okupante kune Aŭstralion, Hindujon kaj la duonon de Suda Afriko kaj Sudameriko. Detruita poste Gondwana, ligis nin al Afriko la vasta kontinento Archelenis, kiu pli malfrue malaperis; kiel videblaj postsignoj restis nur la vulkanaj montoj de l'insuloj Trinidad, Ascencion kaj Sankta Heleno. Tio ĉi klarigas la elmigradon de la bestoj formitaj ĉi tie al Afriko kaj Eŭropo, kie ili evoluis por denove reveni jam transformitaj, por la geologiaj pontoj venintaj poste.

Ĉi tiu rondiro de la bestaraj fluoj permesis al Ameghino antaŭdiri la tipojn de elfosaĵoj, kiuj devus troviĝi en Afriko kaj en Eŭropo sub precizaj geologiaj tavoloj; tio estis realigita post lia morto kaj mirigis ĉiujn. — *G. Muinos* (Buenos-Aires).

∴ **Nova kolektanta sporto.** — Kion ajn oni nuntempe kolektas! La poŝtmarkojn, vidaĵkartojn, aŭtografojn, afiŝojn — kaj Dio scias ankoraŭ kion. Ekzistas homoj, kiuj iras al baloj nur pro danceprogramo, por ĝin pendigi en sia „kolekto", kaj multaj turistoj vojaĝas nur por sendi hejmen multe da vidaĵkartoj. En la lasta tempo, kiu al „kolektantoj" ĉiueble helpas, aperis denove nova sporto, nome kolektado de reklamaj glumarkoj.

Komerca reklamo, kiu nuntempe serĉas konstante novajn vojojn, ekkaptis la ideon, ke ĝi povus eluzi por siaj servoj la leterojn, kaj grandaj firmoj krom kutimaj afiŝoj, fabrikigas miniaturajn reklamajn glumarkojn, kiujn ili disponigas senpage. Ĉi tiu afero kompreneble ne povis esti ne rimarkita de kolektantoj de kuriozaĵoj. Jen kian pentroriĉan kolekton oni povas kunmeti, se oni povas havi la glumarkojn de la tuta mondo, precipe de malproksime. Jen kia diverseco de formoj, koloroj, ideoj kaj arto! La kolektantoj komencis serĉi la glumarkojn ĉiuflanke kaj ĉi tiuj ŝajne senvaloraj bagatelaĵoj ricevis sian kurzon, tiel ke oni nuntempe per ili negocas. Ju pli arte la glumarko estas farita, kaj ju pli malproksima estas ĝia deveno, des pli grandan valoron ĝi havas por kolektanto. Tuj kiam ie oni anoncas grandan ekspozicion, la kancelario ricevas certe amason da leteroj, petantaj pri ekspoziciaj glumarkoj. — „Alsendu al mi 300 glumarkojn". „Mi disvastigos ilin inter publikon" promesas „la kolektanto" kaj se li ricevas la sendaĵon, li ne forgesas disdoni ilin inter siajn amikojn, kun kiuj li reciproke interŝanĝas la glumarkojn. Certe, ke la kolektantoj de glumarkoj iros pluen kun la spirito de tempo, fondos necesan societon kaj gazeton kaj kovros per tio „senteblan truon" en la literaturo. Sed tamen io ĉe ĉi tiu sporto estas bona: ke ĝi estas sendanĝera kaj ke ĝi povas tempe ellabori eĉ guston, se la negocistoj evitos ĉe fabrikigo de glumarkoj la kriantajn modelojn kaj se ili fabrikigos la skizojn per artistoj. — *Jos. Poalipsky* (Smichov).

# Bileto de blankbarbulo

## Ni estu „efektivigistoj“!

*Malfacile estas vidi la vivon tian, kia ĝi estas, ne tian, kian ni ĝin deziras aŭ timas.*

*Tamen tiu ĉi vera vidado estas la unua kondiĉo de l' fina sukceso en nia, kiel en ĉiuj homaj aferoj.*

*Se, anstataŭ konformigi nian agadon laŭ la nuna stato de la sociaj kondiĉoj, laŭ la tempaj aŭ mediaj cirkonstancoj, se anstataŭ observi kaj ekzameni ĉion trankvile, malvarme, ni allasas nin kompleze al la movoj, eĉ plej noblaj, de nia koro kaj al la revoj de ĉion aliiganta aŭ pligrandiganta fantazio, ni fatale, post tro vastaj kaj eraraj esperoj, venas al senkuraĝiĝo, kiu malebligas ĉian praktikan, utilan agadon, ĉian agemon.*

*Kaj vere tro ofte nian cetere malprecizan celon tiel alten ni metas, ke necesaj estus la klopodoj, laboroj kaj penoj de multaj generacioj por ĝin atingi, se eĉ niaj posteuloj ne proponos al si celon tute alian, ĉar tute aliaj la tiamaj vivkondiĉoj.*

*Ni do ne trograndigante niajn fortojn, sed ankaŭ ne ŝatante ilin tro malalte, elektu ĉiam labortaskon, kiun ni povas plenumi mem, ne tro fidante al la helpo de tujaj aŭ estontaj pli malpli certaj kunlaborantoj.*

*Se ĉiu el ni, post atenta, severa ekzameno de sia propra situacio en sia rondo, de sia propra laborpovo, aŭtoritato aŭ influo difinus al si klaran, precizan programon efektivigotan de li mem kaj, ne lasante sin distri de ambicio ĉion kunpremanta, koncentrigus sian tutan agemon sur la plenumadon de tiu ĉi lia programo kaj ripozus nur post atingo de la de li* volata *rezultato, certe nia agado ne nombrus tiel multajn vanajn entreprenojn, kiuj igas multajn homojn dubi — kvankam malprave — pri nia fina venko.*

*En modesteco, ĉiu elektu celon, kiun li sendube* povas *atingi, li zorge elektu la necesan metodon, la taŭgajn rimedojn, kiuj certe kondukos al tiu ĉi celo, kaj, firme decidinte, „ne flankiĝante, li iru la klaran, rektan tre difinitan vojon elektitan“.*

*„Efektivigistoj“, ni estu, sed tiaj ni estos nur, se, komprenante la malgrandecon de nia forto antaŭ la grandeco, vasteco kaj malfacileco de la plena tasko, ni konsentas, modestaj pioniroj, marŝi paŝon post paŝo, supreniri ŝtupon post ŝtupo, en pacienco.*

* * *

*Ĉu, por klarigi mian penson, ekzemploj estas necesaj? — Bone!*

*„Amiko! anstataŭ peni por varbi per via elokventeco kaj en gloro se ne la tutan mondon, almenaŭ vian tutan patrujon aŭ vian tutan urbon, penu por varbi per simpla interparolo kaj en modesteco du, kvin, dek varbotajn amikojn . . .* kaj varbu ilin!“

*„Anstataŭ fondi en gloro novan societon aŭ novan grupon, penu por varbi en modesteco du, kvin aŭ dek anojn al la malnovaj . . .* kaj varbu ilin!“

*„Anstataŭ krei en gloro novan gazeton, kiu ĉien konigos vian nomon, sed baldaŭ pereos, ĉar vi sola ĝin ne povas subteni, helpu al la jam ekzistantaj kaj penu por varbi al ili per privata korespondado aŭ parolo kaj en modesteco du, kvin aŭ dek novajn abonantojn . . .* kaj varbu ilin!“

*„Anstataŭ skribi novajn librojn, novajn tradukojn, penu por varbi novajn legantojn, novajn aĉetantojn al la antaŭaj . . .* kaj varbu ilin!“

*Ne mankus aliaj eble pli trafaj ekzemploj, sed tiuj ĉi sufiĉas.*

*Ĉiam kaj ĉie, en memforgeso, ni ne serĉu la vanajn aplaŭdojn, kaj gratulojn sed nur la rezultatojn, ne nian sukceson sed nur la sukceson de Esperanto, kaj tiamaniere ni estos la veraj „efektivigistoj“, kiuj ni certe ĉiuj deziras esti.*

Th. Cart.

# KRONIKO

Ni rememorigas, ke por la redakto de tiu rubriko ni bezonas la kunlaboradon de ĉiuj legantoj, speciale de ĉiuj Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn *freŝajn* informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp. Oni bonvolu skribi koncize kaj tre legeble. Por esti enpresataj en la plej proksima N-ro, ĉiuj komunikajoj devas esti ricevataj de ni *antaŭ la 10ª kaj 25ª de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* *La redakcio.*

## Aŭstrio-Hungario.

*Bozen-Gries:* Nova kurso kun 18 anoj komenciĝis la 5 marto. Trapasantaj samideanoj estas petataj viziti la E. O. aŭ la kunvenon en hotelo Walther, ĉiumarde. — *Graz:* La 11 marto Stiria Esp. Societo havis ĝeneralan kunvenon, kiun partoprenis ankaŭ reprezentantoj de la grupoj Marburg kaj Leoben. Post funebra parolado je memoro de la mortintaj membroj, la jarraporto estis legata, kiu montris la viglan kaj fervoran laboron dum la pasinta jaro. La societo kun la du lokaj grupoj havas nun 157 membrojn. Oni elektis jenan komitaton: P. Spalke, prezidanto; P. K. Geier, vicprezidanto; K. Bartel kaj J. Frauwaller, sekretarioj; R. von Calisto kaj F-ino L. Sartory, kasistoj. — *Hradec-Kralové:* La 14 marto S-ro P-ro Pitlik faris paroladon pri sia eŭropa paroladvojaĝo, kiu estis akceptata kun granda entuziasmo. — *Loštice:* Nova kurso kun 41 anoj gvidata de S-ro Verner. — *Marienbad:* Fondiĝis grupo. — *Nymburk:* Malfermiĝis nova kurso sub gvidado de S-roj O. Panáček kaj J. Kluz. — *Opočno:* La burĝa bohema Societo aranĝis la 15 marto paroladon de S-ro P-ro Pitlik pri lia konata peresperanta paroladvojaĝo tra Eŭropo. — *Praha:* Malfermiĝis nova kurso; instruas F-ino Crhová. La Esperantistoj de Granda Praha kunvenas ĉiudimanĉe vespere en la kafejo de la hotelo Štěpán. — *Prostejov:* La klubo aranĝis konkurson pri traduko de rakonto de Jirásek. Premio 10 kronoj. — *Rakovník:* La klubo komencis la preparajn laborojn por propaganda ekspozicio. — *Smichov:* La Esp. Klubo elektis en la ĝenerala kunveno, la 17 marto, kiel prezidanton S-ron P-ro A. Pitlik, kiel sekretarion S-ron J. Mráz. — *Trento:* La 6 marto fondiĝis grupo sub la nomo: Trenta Esperanta Asocio. Aliĝis ĝis nun 62 membroj. — *Trieste:* La 28 februaro okazis la jarkunveno de Rondo Esperanta; oni elektis jenan estraron: P-ro D-ro Ghez, prezidanto; P-ro Grandi, vicprezidanto, Schmidichen, sekretario; Simonis, kasisto. Bonege sukcesinta vesperfesto okazis la 7 marto. La tre riĉa programo interalie enhavis komedieton, kiu multe amuzis la ĉeestantojn. Loterio kaj dancado finis la feston. Kurso estos gvidata de S-ro Crismann. — *Wien:* La 18 januaro la Unua Esp. Unuiĝo en Wien havis ĝeneralan kunvenon, dum kiu unuvoĉe estis akceptata la nova nomo Esp. Unuiĝo Wien. S-ro F. Hartwich aklame estas reelektita prezidanto.

## Belgujo.

*Contisch:* S-ro Jacobs gvidas novan kurson. — *Gento:* Nova kurso malfermiĝis la 3 marto. S-ro Vaerendonck sukcese paroladis en la Willemsfonds. — *Nivezé:* Post parolado S-ro Desonay sukcesis organizi kurson.

## Britujo.

*Berkhamsted:* La 11 februaro S-ro B. Mudie faris paroladon ĉe la loka kolegio. Kurso kun 60 knaboj fondiĝis. — *Birkenhead:* Nova grupo fondiĝis. — *Bushey:* Nova grupo fondiĝis. — *Ciren-*

*cester:* S-ro B. Mudie faris lekcion antaŭ studentoj de la Reĝa Agrikultura Kolegio; la ĉefa estro de la kolegio fariĝis Del. de UEA. — *Dunstable:* Nova grupo fondiĝis; la urbestro fariĝis vicprezidanto. — *Edinburgh:* S-ro J. T. Lochhead faris interesan paroladon pri: Erarideoj. La preparoj por la XIa kongreso bone sukcesas. — *Liverpool:* La konkursfesto de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire okazos la 13 aprilo. Krom la disdonado de la premioj por la literatura, stenografia kaj desegna konkursoj, la programo entenos parolad-, deklam- kaj muzikajn konkursojn. — *London:* La ĉiujara festeno de la B. E. A. okazis la 7 februaro. Ĉeestis pli ol 130 samideanoj el ĉiuj partoj de la lando. Inter la tostoj speciale citinda estas tiu de S-ro J. Bergh, blindulo el Finnlando, kiu rakontis pri siaj spertoj en la diversaj „provincoj de Esperantujo", kiujn li vizitis. La 2 marto, en la Instituto de Inĝenieroj, okazis parolado de S-ro T. J. Gueritte. S-ro Mudie faris propagandajn paroladojn ĉe la Vespera Lernejo en Bow je la 30 januaro kaj en South Croyden la 10 februaro. Nova grupo fondiĝis en East Suburban London. — *Paisley:* La 8 januaro antaŭ la loka Farmacia Asocio, S-ro A. Allen faris propagandan paroladon. — *Portsmouth:* Okazis parolado de S-ro Fennall antaŭ 250 oficiroj kaj maristoj de ĉiuj rangoj. La parolado estis aranĝita de S-ro Wright, Del. por la Brita Ŝiparo. Kurso komenciĝis la 16 marto kun 28 anoj. — *Watford:* Nova grupo fondiĝis.

## Bulgarujo.

*Haskovo:* La societo „Radio" malfermis du kursojn kun 30 personoj sub gvidado de S-ro V. Vaĉev. — *Viddin:* Fondiĝis nova grupo „Espero". Prezidanto: V. Lazaroff.

## Francujo.

*Aumale:* Grupo fondiĝis kun 12 anoj. La kursoj, kiuj okazas jam de du jaroj, estas daŭrigataj; instruas S-ro Truffart. — *Beaune:* En la kunsido de la 14 marto la grupo elektis jenan estraron: Bord, prezidanto; Coppenet, vicprezidanto; Cottereau, kasisto; Pion-Muller, sekretario. La lokaj gazetoj estas tre favoraj al nia afero. — *Châlons-sur-Marne:* S-ro L. Boyer kun helpo de S-ro kolonelo Bastien starigis klason de 20 anoj: Instruas S-ro Bastien. — *Levallois-Perret:* La Kongreso de la Pariza Esp. Federacio tie okazos la 29 marto. — *Lyon:* La komitato de teknika instruado de departemento Rhône enmetis Esp. en la programon de ekzamenoj por ricevi la ateston de komerca oficisto aŭ vojaĝisto. — *Paris:* La monkolekto Carlo Bourlet atingas ĝis nun Fr. 1507. 05. Ĝi estos dediĉata je la fondo de jara premio. Vigle laboras la diverskvartalaj grupoj. En ĉiu el ili okazas ĉiusemajna parolado pri iu ĝeneralinteresa temo. Okaze de la Kongreso oftaj notoj en la gazetaro. Plensukcesaj estis la balo kaj la festeno de la sekcio de la Latina Kvartalo. Okaze de la Deka Kongreso la Parizaj laboristoj-esperantistoj organizos kongreson, kiun partoprenos ankaŭ diverslandaj kolegoj. La kongreso ampleksos du aŭ tri kunsidojn, kiuj estas aranĝitaj tiel, ke ili ne okazu samtempe kun tiuj de la Deka. La ĉefa celo de tiu kongreso estas starigo de Tutmonda Laborista Esp. Asocio. Krom la kunsidoj estas aranĝataj diversaj promenadoj. Por informoj oni sin turnu al: Franca Esp. Laborista Unuiĝo, 121, rue de la Convention, Paris. — *St-Etienne:* La 23 februaro S-ro I. H. Krestanof faris dum la kunveno de la grupo paroladon pri Balkanaj ŝtatoj.

## Germanujo.

*Berlin:* En la monata kunveno de la Esperanto-Gruparo S-ro Wichert faris lumbildparoladon pri Jutlando kaj Finnlando. La trafikoficejo „Norden" en Berlin subtenis tiun paroladon per monhelpo kaj disdono de la broŝuro „Vojaĝado en Finnlando". S-ro Wengler faris du paroladojn pri: „Kiel oni praktike uzadas Esperanton." — *Dortmund:* En la jara ĉefkunveno estas elektita la jena estraro: D-ro Rath, prezidanto; W. Dickmann, vicprezidanto; A. Schwarz, sekretario; A. Greeven, kasisto; J. König, bibliotekisto. Adreso de la grupo por ĉiuj sendaĵoj: A. Schwarz, Heiliger Weg 30. La 6 marto komenciĝis kurso kun 16 anoj sub gvidado de S-ro A. Schwarz. — *Frankfurt a. M.:* La 27 februaro okazis la jarkunveno. Oni elektis jenan komitaton: E. Hummel, prezidanto; R. Kreuz, sekretario; W. Heinze, bibliotekisto. La grupo havas nun 58 membrojn. La nova kunvenejo estas en Moderne Sprachschule. La 7 marto S-ro Kreuz faris lumbildparoladon pri vojaĝo tra Svislando al Genova kaj Nice. — *Gummersbach:* La kurso gvidita de S-ro Rüdig finiĝis. — *Hanau a. M.:* „Katolika Espero" aranĝis propagandan paroladon. — *Hannover:* S-ro F. Raever gvidas du kursojn por policanoj kun 62 anoj. — *Leipzig:* S-ro P-ro D-ro Schmidt el Potsdam faris publikan bone vizititan paroladon en Gutenberghalle pri: „Ni akademianoj kaj Esperanto". La Leipziger Lehrerverein aranĝis propagandan kunvenon en kiu S-ro P-ro D-ro Köppen el Hamburg parolis pri historio kaj celo de Esperanto. — *Offenbach a. M.:* La 12 marto la loka Grupo de G. E. A. aranĝis propagandan vesperon en kiu S-ro K. Gumbinger, Del., faris paroladon pri tutmonda lingvo kaj Esperanto. Ĉeestis 20 personoj. La 19 marto malfermiĝis kurso kun 8 anoj gvidata de S-ro K. Gumbinger.

## Italujo.

*Bologna:* Al S-ro D-ro Tellini, Del., estas donacitade Istria Esp. Unuiĝo arĝenta insigno pro liaj gravaj meritoj. — *Genova:* En sia lasta kunveno la membroj de Genova Esp. Unuiĝo elektis jenan estraron: D-ro A. Stromboli, prezidanto; A. Mengozzi, sekretario. — *Milano:* Sekve de kurso gvidata de S-ro D-ro Schacht por germanaj laboristoj fondiĝis Laborista Esp. Grupo. — *Sampierdarena:* S-ro A. Clavenna faris interesan paroladon antaŭ multnombra publiko. — *Santarcangelo di Romagna:* Dank'al la klopodoj de S-ro A. Franchini la urbestro disponigis ĉambron, en kiu nun okazas la kunvenoj de la grupo. S-ro P-ro P. Carabini, Subdel., gvidas kurson en la reĝa teknika lernejo kun 27 anoj.

## Hispanujo.

*Gerona:* Al S-ro P-ro J. Domenech, Del., honora ano de Istria Esp. Unuiĝo, estis donacata bela ŝildo sur arĝenta metalo kiel diplomo de elekto. — *Palma de Mallorca:* La Klubo komencis novan kurson speciale por fraŭlinoj sub gvidado de S-ro G. Alomar. — *San Feliu de Guixols:* La 1 februaro la grupo havis ĝeneralan kunvenon, dum kiu oni elektis jenan komitaton: F-ino R. Esteva, prezidantino; F-ino R. Vilaret, vicprezidantino; S-ro F. Roca, sekretario; F-ino A. Gimeno, kasistino. La sidejo estas Str. Rutlla 13 kie nun ĉiujaŭde okazas supera kurso.

## Nederlando.

*Amsterdam:* La 12 marto kelkaj samideanoj el diversaj lokoj kunvenis kaj decidis fondi Socialdemokratan Esp. Societon. Oni elektis komisionon por ellaborado de la regularo kaj laborprogramo. — *Arnhem:* Okazis festvespero, kiun ĉeestis pli ol 120 personoj. La programo enhavis koncerton, deklamojn kaj teatraĵon. Balo finis la feston. — *Hago:* Laŭ iniciato de „Fine ĝi venkos" okazis la 16 februaro lumbildparolado pri Parizo de S-ro L. Wijnschenk. Ĉeestis 80 personoj. — *Roosendaal:* Malfermiĝis kurso kun 16 anoj. La urbestro disponigis senpagan ĉambron en la desegno-lernejo. — *Rotterdam:* La 19 marto la societo „Merkurio" havis jarkunvenon. La ĝisnuna komitato estas reelektita.

## Rusujo.

*Astraĥan:* Malfermiĝis du novaj kursoj gvidataj de S-ro S. Sarĉev. — *Ivanovo-Voznesensk:* La 15 februaro okazis la unua ĝenerala kunveno de la loka societo. S-ro V. J. Kuznecov faris paroladon pri Esperanto. Aliĝis 29 anoj. — *Jaroslave:* S-roj A. V. Ŝigorin, Del., kaj M. V. Lubomudrov malfermis kursojn. S-ro Ŝigorin legis en Demidova Liceo antaŭ multnombraj aŭskultantoj paroladon pri Esperanto. — *Peterburg:* En societo „Espero" okazis dum februaro jenaj paroladoj: „Ĉu Esperanto fariĝos lingvo tutmonda" de S-roj P. Stojan kaj R. Civinskij; „Novlatinaj formoj de internacia lingvo" de S-ro E. Drezin; „Esperanto kaj amo" de S-ro R. Sakoviĉ. — *Zaporoĵje-Kamienskoje:* La 31 januaro la loka societo aranĝis dancvesperon, kiun vizitis pli ol 200 personoj.

**Azio.**

*Pekin:* S-ro C. Schriewer komencis kurson ĉe la sidejo de la Y. M. C. A., kiun partoprenas belgoj, francoj kaj ĥinoj.

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Tria Hungarlanda Esperanta Kongreso

Tiu kongreso okazos la 31 majo kaj 1 junio en *Szeged.* La prepara komitato energie kaj diligente laboras por la sukceso de la kongreso, kiu laŭ la antaŭsignoj, estos eĉ pli granda ol pasintan jaron. Oni zorgos pri malkara kaj komforta loĝado, bonaj manĝaĵoj kaj pri duonpreza fervoja bileto, se la necesaj informoj estos liveritaj al la komitato ĝis la 15 majo. Kongreskotizaĵo 3 Kr., familianoj 1 Kr. Por ĉiuj informoj oni sin turnu al S-ro Szücs Lajos, Osztrovszky-u. 20, Szeged.

# DEKA KONGRESO DE ESPERANTO

## Parizo, 2-10 aŭgusto 1914

.·. **Fervojaj rabatoj.** — Ni jam anoncis, ke la grandaj francaj fervojaj kompanioj konsentis al ĉiuj kongresanoj — izole aŭ are vojaĝantaj — rabaton da 50%. Tiu rabato valoros — por la iro — de la 27 julio ĝis la 10 aŭgusto, kaj — por la reveno — de la 2 ĝis la 24 aŭgusto. La reveno devas okazi per la sama vojo kiel la iro.

La kongresanoj unue ricevos leteron, per kiu oni petos, ke ili bonvolu montri la stacidomon de kie ili foriros (por la fremduloj la unuan stacidomon en Francujo) kaj kelkajn pluajn informojn. Ili ĝustatempe ricevos folion, kiun ili devos subskribi kaj validigi ĉe sia foriro (unua franca stacidomo), en Parizo kaj — por la reveno — ĉe la forira stacidomo.

Por la iro ili pagos la tutan prezon de la vojaĝo. La reveno estos senpaga.[1] La vojaĝo devos esti plenumata sen halto. Nenia rabato je la prezo de la pakaĵoj.

.·. **Patronanta Komitato.** — Ĵus aperis la nomaro de la altrangaj personoj, kiuj bonvolis akcepti la patronadon de la kongreso. Oni trovas en ĝi 169 nomojn de tre konataj francaj sciencistoj, literaturistoj, parlamentanoj, industriistoj, k. a.

.·. **Por bicikletistoj.** — Dank' al klopodo ĉe la ministro de la financoj, UEA atingis, ke ĝiaj nefrancaj membroj povu importi en Francujon sian bicikleton sen alia dogana formalaĵo ol la montrado de sia membrokarto. Detaloj en nia proksima No.

[1] Laŭ tio ĉiu facile povas kalkuli la vojaĝprezon laŭ ordinara horlibro. Sufiĉas noti, ke la ordinara simpla prezo por iro valoras por la iro kaj la reveno (kun la rabato) sur ĉiuj francaj linioj.

# DIVERSAĴOJ

.·. **Lingva Komitato.** — La anoj de la L. K., elektitaj en 1905, estas submetotaj al reelekto, ĉar 9 jaroj pasis de ilia elekto kaj laŭ § 3 de la Regularo, la L. K-anoj konservas sian oficon dum 9 jaroj. La kandidatoj estas S-roj Blumenthal (Varsovio), Busuttil (Malta), Cart (Paris), Ĉejka (Bystrice-Hostyn), Codorniu Stárico (Madrid), Costa e Almeida (Rezende), Dombrowski (Kovno), Duviard (Paris), Fiŝer (Tiflis), Fruictier (Ateno), Garrigues (Tryon), Geoghegan (Fairbanks), Ghez (Trieste), S-ino Junck (Bordighera), Kühnl (Praha), Lengyel (Paris), Matton (Besançon), Mazzolini (Perugia), Meyer (La Rochelle), Menu de Ménil (Paris), Millidge (London), Morin (Mexico), Mucnik (Ŝepetovka), Mudie (London), Mybs (Altona), Ostrovski, Pollen (Gotha), Renard (Arlod), Runeberg (Grankulla), Sabadell (Barcelona), F-ino Ŝefer (London), Schröder (Wien), Sébert (Paris), Sepulvedra Cuadra (Santiago), Simon (Wien), Stojan (Trubĉevsk), Sussmuth (Bridgeport), Thorsteinsson (Rejkjavik), Uitterdyk (Hilversum), Vargas (Mexico), Villanueva (Murcia), Villareal (Lima), Taubmann (Haida).

.·. **Literatura konkurso de la Kataluna Esperantista Federacio.** — La komitato invitas la Esperantistojn partopreni en ĉi tiu konkurso. Jen la temoj, kiuj povos interesi nian diversnacian legantaron:

*Ordinaraj temoj.* — Originala versaĵo pri Amo. Originala prozaĵo pri Amo. (Premio: luksa ekz., kun aŭtografa subskribo de l' aŭtoro, de El Parnaso de Popoloj, de A. Grabowski, kaj diplomo).

*Eksterordinaraj temoj.* — Influo de Esperanto en la socia-ekonomia problemo (artaĵo). Kiamaniere Esperanto povas helpi al la socia movado (artaĵo). Temo laŭvola (50 pesetoj). Utilo alportota de helpa lingvo al la komerco (100 pesetoj). Influo de Esperanto en la komerca disvolviĝo de la nacioj (50 pesetoj).

Al la manuskriptoj — kiuj devas esti senditaj antaŭ la 1 majo 1914 — al la sidejo de K. E. F. (str. Gracia 12, Sabadell) — oni devas aldoni devizon, kaj sendi en fermita koverto, kiu portos la saman devizon, la nomon kaj la adreson de la verkinto. La manuskriptoj ne estos resendataj. La membroj de la juĝontaro partoprenos en neniu konkurso.

.·. **La komerca valoro de Esperanto.** — Al propagandisto provanta varbi komerciston, estas ofte donata respondo tia: „Jes, ke Esperantan anoncon pri miaj komercaĵoj legos homoj en dudek diversaj landoj, tion mi ne dubas; sed ĉu ili la komercaĵon aĉetos? Multe vi parolas pri la granda nombro da reklamoj komercaj aperantaj en via gazetaro; sed ĉu tiuj reklamoj efektive efikas vendojn!" Por havi ion definitivan, per kio sukcese disfaligi tiun skeptikemon, *British Esperantist* petis de la konata firmo Holden, unu el la plej persistaj kaj laŭsistemaj uzantoj de nia lingvo sur la komerca kampo, kia estas ĝia opinio kaj sperto, rilate la efikon sur la internacia vendado de ĝiaj bonegaj naturformaj ŝuoj kaj botoj La respondo estis tre kontentiga. „Ĉi tiu „reklama militiro", skribas la firmestro, alportadis al nia pordo multe da korespondado, sed ankaŭ malpli granda kvanto da kontentiga komerco, kiu plenumiĝis ĉiam ĝis nun en maniero, mi esperas, kontentiga tiel por la aĉetintoj, kiel por la vendintoj. Kelkaj el la klientoj tiel akiritaj ankoraŭ post du kaj tri jaroj daŭre restas niaj fidelaj amikoj kaj malavaraj subtenantoj, kaj mi tre dankas ilin ĉiujn."

Sendube, aliaj firmoj havis spertojn ne malpli kontentigajn. Se Delegitoj aŭ aliaj personoj sendos al ni definitivajn informojn, ni volonte ilin presigos en niaj kolonoj.

.·. **Esperanto kaj turismo.** — La Iniciata Sindikato de *Château-Thierry* (Aisne, Francujo) eldonis sub la aŭspicioj de UEA, beletan deksespaĝan gvidlibreton lukse presitan kaj ilustritan. Oni povas ĝin ricevi de la C. O. de UEA po 10 ct. (4 sd.).

— Ni atentigas niajn legantojn pri tio, ke la bela Esperanta gvidlibro tra *Bosnio-Hercegovino* (36 paĝoj) estas nun ricevebla de la C. O. de UEA kontraŭ unu respondkupono.

— Ĵus aperis la gvidfolio tra *Versailles*, la fama historia urbo apud Parizo. La gvidfolio estos disdonata dum la ekskurso, kiu okazos dum la Pariza Kongreso. Sed estus agrable al la sindikato por turismo (Esperantia Entrepreno), kiu estas tre favora al Esperanto, ke multaj Esperantianoj postulu la gvidfolion. Ĝi estos sendata senpage. Adreso: Iniciata Sindikato, 39, rue Duplessis, Versailles.

.·. **UEA en Londono.** Jen resumo de la Ĉef-Delegito de UEA dum januaro kaj februaro:

*Korespondado:* Leteroj ricevitaj 181, forsenditaj 221.

*Kotizaĵoj:* Ĝis nun 192 personoj pagis por 1914 (en 1913, 137 je fino de februaro). Estas nun 22 Esperantiaj Entreprenoj.

*Servoj:* Jen ekzemploj de kelkaj servoj faritaj: sendis al germana firmo detalojn pri kinematografaĵo Kinoplastikon, al Aŭstrio sendis adresojn de britaj firmoj, kiuj konstruas lokomotivojn, sendis al hispano detalojn kaj prezojn pri reliefa presmaŝino, faris multajn demandojn pri fabrikanto de speciala pulvora miksilo por rusa firmo, kaj fine sukcesis per la helpo de la Board of Trade, tradukis diversajn leterojn por komercistoj, en kaj el Esperanto, ktp., ktp.

## TRA LA GAZETARO

.·. *La Kulturo* (februaro): Pri Esperantista Poezio (D-ro Stanislas Schulhof):

„Nia esperantista poezia literaturo superas jam ĉiujn literaturojn naciajn, ĉar nek en nuntempo, nek en pasinteco ekzistis literaturo, en kiu svarmus tiom da poetoj, kiel en nia esperantista literaturo. Ho, kion ni diras, poetoj! Niaj poetoj estas majstroj, princoj, eĉ reĝoj, kaj nur kelkaj malmultaj estas amataj poetoj, tamen tiuj ĉi homoj nur tute sensignifaj. Ĉiuj niaj poetoj kaj poetinoj estas sangaj parencoj de antikvaj muzoj, ĉiuj estas iliaj amatoj, ĉiuj portas jam laŭrajn kronojn, kaj la nombro de tiuj kronitaj poetoj estas jam tiel granda, ke unu nia gazeto akceptas kaj publikigas versaĵojn skribitajn nur de laŭreatoj. Kia lukso!"

— Praktika konsilo (S. K.):

„En hoteloj oni efektive ĝis nun malmulte parolas Esperante. Tio estas mirinda. Ĉu Esperantistoj ne vojaĝas? Ĉu ili ne uzas lingvon internacian? Ŝajnas, ke ne — ĉar alie la hotela personaro baldaŭ posedus nian lingvon. — Do Esperantistoj ne vojaĝas? Estus tre strange. — Laŭvere la Esperantistaro vojaĝas sufiĉe multe, sed ne individue, kontraste en aroj, ĉiam al diversaj festaj kunvenoj Esperantistaj. Estas tro multe da festoj. La popolo Esperantista devas elspezi multon da mono por fari publikon ĉe diversaj Esperantistaj festoj kaj „propagandaj" kunvenoj, en kiuj la Esperantistoj reciproke konvinkas sin pri la utileco de la lingvo internacia. Sed tiaj araj kunvenoj kaj vizitoj havas malgrandan influon je hotelaro, ĉar la hotelistoj pensas, ke estas tute hazardaj kunvenoj de utopiistoj. Kaj ĉar la Esperantistoj elspezas tro multe da mono por vojaĝoj al la festoj „internaciaj", ili ne povas multe vojaĝi individue. Tial vojaĝas proporcie sole malgranda nombro de Esperantistoj, individue, kaj tial eĉ en la hoteloj oni ekparolas Esperante tre malofte. Do ŝajnas praktike por nia sankta afero, eĉ por nia monujo: Ni festu malofte, sed vojaĝu ofte, ofte! Kaj dum vojaĝo ne forgesu uzi Esperanton!"

.·. *Le Jeune-Turc*, turka gazeto en franca lingvo, aperigis longan artikolon de nia Del. en Konstantinoplo, S-ro Godpraiser-Shahnovich.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

*La kotizaĵoj por 1914 estas pageblaj al la Delegitoj, aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA la membrokarton kaj la Jarlibron.*

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 22.500 |
| 113. W. H. Harris, Ystradgynlais | 125 |
| 114. Hermann Madlener, Nürnberg | 125 |
| Frankoj | 22.750 |

Entute (ĝis la 25 marto) 114 Garantiantoj mendintaj 182 atestojn, valoro 22.750 frankoj (9100 Sm.).

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

**Komitato de UEA.** — Konforme al § 34 kaj 41, la ĵus balotita Komitato de UEA faris la jenajn elektojn por la jaroj 1914-1915-1916:

| | |
|---|---|
| *Prezidanto de UEA:* | S-ro H. BOLINBROKE MUDIE |
| *Vicprezidanto de UEA:* | „ TH. ROUSSEAU |
| *Direktoro de UEA:* | „ H. HODLER |
| *Vicdirektoro de UEA:* | „ ED. STETTLER |

**Interkonsento kun la naciaj Esperantistaj societoj.** — La *Finnlanda Esperanto-Asocio* (reprezentanto: S-ro Vilho Setala) kaj la *Istria Esperanta Unuiĝo* subskribis la interkonsenton kun UEA. Aliparte, S-ro Alex. Teodorescu estis elektita kiel reprezentanto de la *Rumana Esperantista Societo* anstataŭ S-ro Constantinescu.

**Al niaj Delegitoj.** — Ni insiste petas, ke ĉiuj Delegitoj, kiuj ne ankoraŭ resendis al ni la respondilon pri la statistiko de la servoj dum 1913, bonvolu tion fari kiel eble plej rapide, tiel ke ni povu fini la kunmetadon de la ciferoj necesaj por la nomita statistiko.

— Nova *Oficiala Bulteno* aperos en aprilo. Ĝi speciale enhavos diversajn informojn pri la karavanoj al Parizo organizitaj sub la aŭspicioj de UEA.

— Ni petas la Delegitojn, ke ili bonvolu depreni la parton de la kotizaĵo al ili difinitan jam ĉe la sendo. En okazo de sendo de la tuta kotizaĵo, ni konsideras la alsenditan Delegit-parton kiel donacon.

**Regionaj kunvenoj.** — Regionaj Esperantiaj kunvenoj okazis en la jenaj regionoj, laŭ § 24 de la Statuto: *Bradford, Kiew, Krakow, Philadelphia.* (Vidu la unuan liston en *Esperanto* de 20 januaro.) En ĉiuj la raporto de la Delegito estas aprobita.

Ni rememorigas, ke tia kunveno devas okazi almenaŭ unu fojon jare en ĉiu regiono, kie estas minimume 20 Esperantianoj, La Delegitoj bonvolu ĉiam sendi al la C. O. protokolon de tiuj kunvenoj.

**Novaj Delegitoj.**

*Alberique* (Hispanujo, Valencia). — D.: César Coves, pentristo, C. Cose 12.
*Briesnitz* (Germanujo, Dresden). — D.: F-ino Frida Simmank, Sonnenlehne 3.
*Budapest* (Hungario). — SD.: Maŭrico Bihari, VI, Andrassy-u. 8.
*Charleston* (Usono, S. C.). — D.: V. C. Dibble, 76, Wentworth St.
*Châtillon* (Francujo, Indre). — D.: F. Baronnet, instruisto.
*Erzsébetfalva* (Hungario, Post Pilis Solt Kis Kun). — D.: Nandor Beck, Maroth-u. 59.
*Fort Leavensworth* (Usono, Kansas). — D.: R. L. Bush.
*Gebel-Moya* (Afriko, Sudano). — D.: Georges George, kalkulisto, Archeological Excavation Camp.
*Geestemünde* (Germanujo, Hannover). — VD.: Christian Tangermann, Schulstr. 10/II.
*Haskovo* (Bulgarujo). — D.: Vasil Vaĉev, oficisto.

*Hradec Kralové* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: O. Sklenčka, oficisto, Zivnostenska banka.
*Klotzsche* (Germanujo, Dresden). — D.: Franz Rädlein, Königsbrückerstrasse 35.
*Miglino* (Germanujo, Posen). — D.: St. Jagielski, Lindenplatz 21.
*Nagykörös* (Hungario, Pest). — D.: Endre Banoczy, gimnazia profesoro, Gimnasium.
*Stenico* (Aŭstrio, Trentino). — D.: D-ro Alessandro Mondini, distrikta juĝisto.
*Udine* (Italujo). — D.: Giovanni Battista Corgnali, oficisto.
*Venezia* (Italujo). — D.: Bruno Migliorini, profesoro, Campo S. Polo, Calle Pezzana 2162.
*Waldsassen* (Germanujo, Bavarujo). — VD.: J. Trattmann, instruisto.

**Ŝanĝoj.**

*Barcelona* (Hispanujo). — D.: Francisko Pinol Magrané, Amalia 16-2-2; VD.: Francisko Corgues Torredeflot, str. Oreten 6 Cruz Roja.
*Brest* (Francujo, Finistère). — D.: Oscar Goasguen, desegnisto, 14, Place St. Martin.
*Budapest* (Hungario). — D.: Forster Jenö, Vörösmarty-u. 60; VD. Jozefo Flor, VIII. Jozsefkörut 27.
*Göttingen* (Germanujo, Hannover). — D.: D-ro H. Steinberg, Am Weissen Stein 24/I.
*Leipzig* (Germanujo, Saksujo) — VD.: A. Petzold, fervojoficisto, Scharnhorststr. 43/I.
*Neugersdorf* (Germanujo, Saksujo). — D.: Otto Geier, C. G., Hoffmannstr. 245.
*Tiflis* (Kaŭkazo). — D: D-ro Andreo Fiŝer, Gribojedovstr. 25.

**Eksiĝoj.**

*Bihač* (VD: Zeravica); *Ca Foscari* (SD. Lupi Gino); *Lapparouguial* (SD: Lagriffoul); *Liége* (D.: Fichzon); *Neuchâtel* (D.: Perret); *Stettin* (D: Lucas); *Xanti* (D.: Evangelides).

**Rimarkoj.**

*Freienstein* (Svisujo, Zürich). — Pro foresto de la Delegito oni sin turnu al S-ro J. G. Fritschi, Freienstein.
*Vilna* (Rusujo). — Pro foresto de la Delegito oni petu ĉiujn informojn de S-ro V. F. Grigoroviĉ, kontrol Polesskij, rezidando de Vilna Esp. Societo.

# Monata Bileto de UEA

Sub tiu titolo ni de nun koncize raportos pri la laboroj de la C. O. de UEA kaj demandoj, kiuj ne povas trovi lokon en nia Oficiala Informilo.

* * *

La ciferoj — ĉi tie ni ofte parolos pri ciferoj — montras al ni, ke la membraro de UEA regule kreskas: la 1 januaro estis 2582 kotizintoj, la 1 februaro 3796, la 1 marto 4618, la 1 aprilo 5383 (sen la garantiantoj kaj subtenantoj). Lastan jaron, je la samaj datoj, ni havis respektive 1901, 2676, 3682, 4325. Inter la kvin mil ĝisnunaj pagintoj troviĝas preskaŭ du mil novaj membroj. Ni do rajtas esperi, ke tiun jaron UEA havos almenaŭ milon da pliaj membroj kaj... eĉ multe pli, se niaj Delegitoj *ĉie* bonvolus energie varbi.

Oni facile komprenos, ke gravan administran laboron tio trudas al nia Oficejo (ni ĝin tute ne bedaŭras!). Ĉu vi scias, kiom da operacioj necesigas la enregistrigo de aliĝo? Unue, nia sekretario transdonas ĝin al la kaso (nenia aliĝo estu sen mono), due la kasisto kontrolas ĉu ĝi estas finance en ordo, donas al ĝi kasnumeron kaj transdonas ĝin al speciala oficisto, pli ĝuste oficistino, kiu tiu lasta serĉas en speciala slipmeblo, ĉu la paginto estas nova membro aŭ ne, kvare ŝi enskribas la membronumeron, kvine — se la membro estas nova — du slipoj (laŭnome kaj laŭnumere) estas skribataj, se li estas malnova la slipoj estas kontrolataj rilate al la adreso, sese oni skribas la membrokarton kaj ĝin dufoje surstampas, sepe la koverto estas adresata kaj la Jarlibro enmetata, oke oni reklasigas la slipon kaj membroliston laŭorde, naŭe afranko kaj forsendo de la Jarlibro. Se la Delegito sendas aliĝon en la teksto de letero (ne imitinda!) ni havas dekan operacion pro kopio.

Tio ŝajnas komplika kaj efektive postulas tempon, sed simpligi kaj samtempe konservi oportunan ordon ne estas eble. Cetere, normale funkcias tiu sistemo, kiu havas ŝatindajn profitojn.

Plezure ni konstatas, ke la Jarlibro kaj la nova membrokarto trovis favoran akcepton. Oni ĝenerale konsentas, ke ambaŭ realigas evidentan progreson. Ni ja scias, ke la Jarlibro ne estas sen preseraroj. Unu el la viktimoj estas la Universala Esperantia Librejo, kiu laŭ ĝi (paĝ. 213) troviĝas ne en Ĝenevo, sed en Centra Francujo... Tion kaŭzas devige rapida presado. Unuparte, la membroj deziras ricevi la Jarlibron komence de la jaro, aliparte malgraŭ admonoj niaj la ĉefaj aliĝoj kaj anoncoj venas en novembro kaj decembro. Do, kalkulu... Plibonigo venos kun plua helpanto ĉe nia Oficejo.

Inter la lasttempaj laboroj de nia C. O. mi citu la daŭrigon de la klopodoj ĉe la diverslandaj administracioj por la importado de la bicikletoj (rezultatojn mi baldaŭ konigos), preparadon de grafikoj kaj elmontraĵoj, por la Esperanto-pavilono, kiun niaj germanaj samideanoj starigos dum la mondekspozicio en Leipzig, kunmetadon de la informoj pri la alkongresaj karavanoj kaj rilataj klopodoj, kunmetado de la statistiko de la servoj dum 1914, kaj la kuranta laboro, kiu ne estas nula, ĉar dum marto la movado de la korespondaĵoj atingis la ciferon 3225. *H. H.*

# ESPERANTIAJ KONGRESAJ KARAVANOJ

Okaze de la Pariza Kongreso, organiziĝos, sub la aŭspicioj de UEA, diversaj karavanoj al la kongresurbo. Ni jam povas doni pri ili kelkajn informojn. Detalojn pri tiuj vojaĝoj oni trovos en niaj venontaj numeroj.

* * *

**Karavano Berlin-Paris kaj reen per speciala vagonaro.** — Tiu karavano, speciale rekomendinda por germanaj, skandinavaj kaj rusaj samideanoj, estos aranĝata de *Germana Esperanto-Asocio* kaj *Germana Esperantisto*, kun helpo de UEA. La entuta prezo estos proksimume 140 M. (69 Sm). Enkalkulitaj en la prezo estas ankaŭ: Loĝado kaj po 3 manĝoj ĉiutage (inkluzive trinkaĵojn) en bonaj hoteloj en la proksimeco de la kongresejo, trinkmonoj, gvidadoj tra la urbo en veturiloj, ktp., ktp., entute ĉio, kion oni ĝenerale bezonos krom la pure kongresaj aferoj.

La karavano forveturos el Berlin la 1 aŭgusto matene kaj estos en Paris la 2 aŭgusto matene. La reveturo komenciĝos la 9 aŭgusto vespere kaj finiĝos la 10 aŭgusto vespere. La vagonaro jam estas certigita. Informojn donas la oficejo de *Germana Esperanto-Asocio* Pirnaische Str. 50 II, Dresden-A.) aŭ la redaktoro de G. E., *F. Ellersiek* (Wissmannstr. 46, Berlin S. 59).

**Karavanoj London-Paris.** — Agentejo Thos. Cook & Son (Esperantia Entrepreno) aranĝas sub la aŭspicioj de UEA diversajn karavanojn London-Paris. Unu el ili estos gvidata de S-ro Paul Blaise. Por ĉiuj informoj pri tiuj vojaĝoj, oni bonvolu peti detalan cirkuleron de Thos. Cook & Son, Conducted Tours Dept., Ludgate Cirkus, London E. C.

**Postkongresa karavano tra Centra Francujo.** — Ni hodiaŭ povas konigi la detalan programon de la postkongresa karavano al la historiaj kasteloj apud la bordoj de la rivero Loire, pri kiu ni jam parolis:

Unua vojplano. A.

*Lundo 10 aŭgusto.* — Ekiro de Paris (stacidomo Austerlitz) je 7 h. 22 matene. — Alveno al Orléans. Vizito tra Orléans per spe-

cialaj tramveturiloj. Olivet (fonto de rivero Loiret). — Tagmanĝo. Foriro de Orléans. Alveno al Blois (veturiloj atendos la Esperantistojn ĉe la stacidomo). Vizito de la kastelo en Blois. Veturado al Chambord. Vizito de la kastelo de Chambord. Reveno al Blois. Vespermanĝo, vesperkunveno kaj nokta loĝado en Blois.

*Mardo 11 aŭgusto.* — Foriro per tramveturiloj al Amboise. Vizito de la kastelo de Amboise. Forveturo per vagonaro. Alveno en Tours. Tagmanĝo. Foriro al Langeais. Vizito de la kastelo de Langeais. Reveno al Tours. Promeno tra la urbo Tours (belega pejzaĝo kaj ŝtonpontego super la Loire). Vespermanĝo, vesperkunveno kaj nokta loĝado en Tours.

*Merkredo 12 aŭgusto.* — Foriro de Tours. Reveno al Paris-Austerlitz je 10 h. 22 matene.

Prezo: IIa kl. Fr. 57.50; IIIa kl. Fr. 48.50.

Dua (pligrandigita) vojplano. B.

La dua (pligrandigita) vojplano enhavas same entute la unuan (A) ĝis la fino de la 11 aŭgusto, kaj plie:

*Merkredo 12 aŭgusto.* — Foriro de Tours. Alveno al Saumur. Vizito de la Milita Kavaleria Lernejo, Muzeo de la ĉevalaĵoj, Urbdomo. Tagmanĝo. Tramveturado al Fontevrault, vizito de la Abatejo (tomboj de la anglaj reĝoj Plantagenets) kaj de la kastelo de Montsoreau. Reiro al Saumur. Alveno. Vespermanĝo. Foriro. Alveno al Angers. Vesperkunveno kaj nokta loĝado en Angers.

*Ĵaŭdo 13 aŭgusto.* — Vizito tra Angers. Muzeo de religia arto, katedralo, kastelo, loĝejo Ballaut, muzeo David d'Angers. Tagmanĝo. Tramveturado al Trelazé: Vizito de la ardezminoj ĉe Trelazé. Reveno al Angers. Vespermanĝo. Foriro je 10 h. 32 vespere. Reveno al Paris-Invalides vendredon 14 aŭgusto je 4 h. 51 matene.

Prezo: IIa kl. Fr. 86.50; IIIa kl. Fr. 74.50.

En ĉiuj tiuj prezoj estas enkalkulitaj de Paris al Paris la elspezoj por la fervojoj, la tramoj, la veturiloj, la hoteloj (3 manĝoj ĉiutage), enirkostoj en la kastelojn, gvidistoj kaj trinkmonoj. Plie en kelkaj urboj la Esperantistoj estos oficiale akceptataj de la urbestraroj.

# Esperanto kaj la telegrafa kodo Lugagne

Jus aperis nova grava verko, kiu meritas altiri la atenton de la Esperantistoj pro du kaŭzoj, unue ĉar ĝi havas Esperantan parton, due ĉar ĝi nedubeble prezentas gravan progreson rilate al la antaŭaj tiaspecaj verkoj.

La starigo de la telegrafa kodo Lugagne[1] trudis al ĝiaj aŭtoroj laboron malfacile takseblan. Elektita laboristaro devis sin dediĉi al ĝi dum pluraj jaroj, kaj nur dank'al multaj oferoj ĝi povis esti plenumata. Per la kodo Lugagne oni telegrafas kiel oni, parolas kaj oni samtempe parolas sep lingvojn, nome: Franca, Angla, Hispana, Germana, Portugala, Itala, Esperanta. La ekspedanto ne zorgu pri la traduko; li bezonas koni nur la patran lingvon. Ekzemple, rusa komercisto per helpo de la Esperanta parto povos telegrafi al hispana neesperantista kolego, kiu facile deĉifros la ricevitan tekston. Efektive, la konvenciaj vortoj de la kodo Lugagne tradukiĝas sub la okuloj de la adresato, aŭtomate en lian lingvon aŭ en kiun ajn lingvon laŭ lia plaĉo. La nuntempaj ĝeneralaj kodoj bazas sur la principo de tute pretaj frazoj. Tiu principo estas malĝusta, ĉar ĝia apliko permesas nur la starigon de verkoj en kiuj oni tre malofte trovas la frazon, kiu precize esprimas la difinitan ideon transmetotan. El tio sekvas hezitoj, esploroj kaj tempoperdo. Tiu ĉefgrava maloportunaĵo estas unu el la kialoj de la kodo Lugagne. Ĝi ebligas ĉion diri precize kaj simple, ĉar la ideoj ne plu estas premataj en kliŝaj frazoj. La subjekto, la verbo (konjugaciita) kaj la komplemento esprimiĝas per triliteraj vortetoj; la tiel formita konvencia vorto finiĝas per deka litero, kiu — tre lerta elpenso — permesas konstati kaj korekti aŭtomate ĉian eblan eraron en la transmetado. Ĉiuj indikoj (vortoj, verboj, esprimoj, datoj, kvantoj, produktoj, propraj nomoj, ktp.) povas esti sendiference grupigataj tiel ke, en certaj okazoj, la ideoj de du plenaj frazoj tradukiĝas per unu sola vorto. Ĉiu grupo de tri literoj signifas vorton; tiu vorto estas tradukita sur la sama linio en la sep supre cititaj lingvoj. Tiamaniere oni povas sin telegrafe komprenigi tutmonde de ĉiu persono posedanta la kodon Lugagne, kia ajn estas lia lingvo. Dank'al tio la priparolita verko utilas ankaŭ kiel plurlingva komerca vortaro tre kompleta kaj tre zorge farita.

Konklude, ni deziras gratuli la aŭtoron de tiu granda verko, ke li bonvolis enkonduki en ĝin nian lingvon. Tiamaniere komercistoj sciantaj Esperanton kaj apartenantaj al landoj, kies lingvo estas malmulte konata, povos facile kaj ŝparige telegrafe respondi kun kolegoj de la tuta mondo. La kodo Lugagne estas la sola tia verko, en kiu aperas Esperanto. Ĝi do povas fariĝi „nia" kodo.

*H. H.*

[1] *Code International Lugagne*, de Georges Lugagne, eldonita sub la direktado de Gabriel Lugagne. (Société des Codes télégraphiques Lugagne). Prezo: 100 Frankoj. Ricevebla de la Universala Esperantia Librejo.

# Esperantia Parolejo

## Oni proponas!

.·. S-ro *J. Schwaiger,* Del., Königsberg, sendas la jenan proponon: „La G. E. A., kun helpo de UEA, aranĝas por la Pariza Kongreso rektan vagonaron Berlin-Paris. Tiun ĉi favoran okazon devas uzi ĉefe tiuj personoj, kiuj ĝis nun ne estas Esperantistoj, por viziti Parizon je malalta kosto; nur estas nepre necese, ke ili lernu de aprilo ĝis julio nian lingvon. La lokaj grupoj uzu tiun okazon kaj tuj aranĝu „Parizajn-Esperanto-Kongres-Kursojn". En ĉiuj taggazetoj oni atentigu pri tiu fakto, kaj certe estas, ke ni gajnos multajn anojn, ĉar la okazo viziti Parizon tiel malkare ne revenos. Tial aranĝu specialajn kursojn".

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *J. Schmid,* Del. en Bern, kore dankas al la Del. en Hamburg, Esslingen, Dresden kaj Wien pro gravaj informoj.

.·. S-ro *A. Jodko,* Esp-iano en Sluck, kore dankas S-ron F. W. Shaw, Del. en Manchester (Angl.) pro akurate senditaj informoj.

.·. S-ro *O. Tesch,* Esp-iano en Frankfurt a. M., nuntempe en Luzern, dankas S-rojn Rebouillon, Del. en Marseille, Dottarelli, Del. en Roma, Bagnulo, Del. en Napoli, Nanni en Bologna kaj Colonnese, Del. en Milano, pro helpo dum la vojaĝo. Koran dankon ankaŭ al la grupo en Toulon pro bonega akcepto.

.·. S-ro *R. Rubčić,* Del. en Dubrovnik, esprimas plej koran dankon al S-roj D-ro Sós, Del. en Wien, D-ro Wedam, Del. en Villach, D-ro Ghez, Trieste, pro gravaj servoj, al S-ro Bartel, Graz, pro ĝentilaj donacoj kaj al S-ro D-ro Šipek, Del. en Heliopolis kaj Kubenz, Dresden, pro iliaj vizitoj.

.·. S-ro *M. Mogendorff,* Esp-iano en Groenlo, tutkore dankas S-ron Th. Rousseau, Del. en Dijon, pro akurata informo kaj S-ron Richard, Del. en Châlon-s-Saône, pro multaj informoj kaj bona akcepto kaj helpo al lia onklo.

.·. S-ro *R. E. Blackstone,* Del. en Boise (Usono), dankas ĉiujn, kiuj gratulis lin pro lia edziĝo kun F-ino F. M. Snyder.

.·. S-ro *G. Alomar,* Del. en Palma de Mallorca, kore dankas S-rojn J. M. de Villa, Del. en Habana, José J. Fernandez, Del. en Matanzas, B. Klingenberg, Del. en Kristiania kaj G. D. Buchanan, Del. en Glasgow pro favoraj respondoj.

## Oni petas!

.·. S-ro *O. Ziegler,* Del., Miesbach-Neumühle, (Oberbayern, Germanujo), petas alsendon de il. poŝtkartoj por aranĝi ekspozicion.

... S-ro *L. Iliaŝeviĉ*, Del. en Kiev, 26 Moskovskaja, demandas la Del. de Suda Rusujo, pro informoj, kiu ne ricevis la rondirantajn kajerojn, kiuj estas senditaj laŭ la vojo: I. Zolotonoŝa Ĥarkov, Sumi Novoĉerkask, Lozovaja, Zaporojje-Kamienskoje, Jurjevskij, Zavod, Kamar, Odessa, Kiev; II. Kiŝinev, Ĵmerinka, Ŝepetovka, Novogradvolinsk, Ĉernigov, Ĉerkassi, Umanj, Pjatigori, Svjatoŝin, Kiev.

.·. S-ro *Santos Ortiz de Arri*, Del., San Sebastian (Hispan.), str. Guetaria 10, deziras ricevi adresojn de Delegitoj kaj samideanoj, kiuj povus senpage aperigi en naciaj ĵurnaloj propagandajn artikolojn de li verkitajn.

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝo.** — S-ro J. Pastoor, prezidanto de la Katolika Esp. Grupo en 's-Hertogenbosch (Nederlando) kun F-ino Viva Theresina Blankwaardt, 's-Hertogenbosch.

**Edziĝo.** — S-ro Joseph Salasc, Esp-iano el Murviel (Hérault, Francujo) kun F-ino Leonie Flotte, el Mèze.

**Morto.** — S-ino Martha Hildebrandt-Strähl, edzino de S-ro Hildebrandt, Del., Thun (Svisujo).

# Reciproka Informado

Ĉiu membro de UEA, kiu deziras ion scii pri *iu ajn temo* (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj, iu povos respondi. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

## Demandoj

15. Kiu firmo liveras amerikan gasolinlampon: Improved Welsbach pat's. pend. Hydro-carron Lamp? — M. 2828.

16. Ĉu iu bonvolos doni al mi adresojn, kie mi povus mendi librojn en greka, latina, germana aŭ rusa lingvoj pri la doktrinoj moralaj kaj dogmoj, kaj pri la historio de la orienta greka kaj rusa eklezio? Ĉu iu volus doni al mi la nomojn de l'aŭtoroj kaj la titolojn de kelkaj tiuspecaj libroj ne karaj? — M. 6949.

17. Mi petas montri adreson, kie mi povus mendi malgrandetan kudromaŝinon kun du ŝraŭboj por fiksi ĝin al tablo. Ĝi devas havi nur dufadenan stebaparaton, esti solide konstruita (tute ne infana!) Ĝia destino: stebi tolaĵon dum senĉesaj fervojaj vojaĝoj. — M. 42.

18. Kiu uzis la kuracilon de D-ro V. Lagala, Napoli, produkto nomita „Oideu" kontraŭ la miopeco kaj aliaj malsanoj de la okuloj? Kia rezultato? — M. 7349.

19. Mi bezonas anglan enciklopedion, modernegan, kun multaj ilustraĵoj. Kosto ne pli ol 20 Sm. Kiu verko estas plej konsilinda? — M. 1650.

20. Italo intencas pasigi 1 monaton en Londono por pliperfektiĝado pri angla lingvo (precipe elparolado). Kia vivmetodo en Anglujo estas por li plej konsilinda? — M. 1650.

21. Ĉu ekzistas speciala vortaro angla-esperanta aŭ angla-esperanta-franca por aŭtomobilaj kaj elektraj vortoj? — M. 8086.

22. Ĉu troviĝos kompetentuloj povantaj kontentigi mian deziron pli malpli serioze konatiĝi kun la jenaj lingvoj de la kelta familio: bretona, irlanda kaj skota? Adresoj estas bezonataj. — M. 382.

23. Kiu povus al mi montri landon, kie enmigranto devas vivi la plej mallongan nombron da jaroj, por akiri regnanecon de tiu lando (landon ne sovaĝan kaj kun kondiĉoj pli malpli konvenaj)? — M. 382.

## Respondoj

La unua cifero montras la numeron de la demando, la dua (inter krampoj) la paĝon de *Esperanto*, sur kiu ĝi aperis.

6 (32). Transsiberia fervojo: Vojaĝo Moskvo-Vladivostok. Rapida vagonaro: Ia kl. 257.20 Rbl., IIa kl. 163.85 Rbl. Pasaĝera vagonaro: IIa kl. 97 Rbl., IIIa kl. 62.40 Rbl. Krom rapida kaj pasaĝera vagonaro ekzistas ankoraŭ plackarta vagonaro. Plackarto kostas IIa kl. 14,30 Rbl. (sume 97 + 14.30 Rbl.), IIIa kl. 7.15 Rbl. (sume 62.40 + 7.15 = 69.55 Rbl.). Rapida vagonaro iras 208 horojn, plackarta 270 horojn.

9 (45) Spongoj el papero: Mi turnis min al specialaj firmoj en Parizo, sed oni respondis al mi, ke tiu artiklo ne estas konata, eble ĝi ne ekzistas. Ekzistas spongoj el premegata vato, nomitaj „hygienic sponges". — M. 5444.

12 (65). Germanaj gitaristaj gazetoj: *Der Gitarrefreund*, dumonata, M. 7.50 (München, Sendlingerstr. 75 I). — *Moderne Musik*, monata, traktas pri mandolino; Fr. 6. 50 (Zürich I). — M. 3018.

13 (65). Libroj pri eduko de la volo: Jules Payot. L'éducation du vouloir. — M. 1550. — D-ro Paul Nyssens. Culture humaine, Fr. 3. 50. — Levy. L'éducation de la volonté, F. 4. 50. — M. 1720.

14 (65). Multobligilo „Automatograf", Fr. 28 (havebla en Bruselo, 4, Montagne aux herbes potagères). — M. 1720. — Jes: Petu „Optimus" ĉe Delachaux & Nestlé S. A., Neuchâtel (Svisujo). — E. E. 481.

# Alvokoj

## Esperanto kaj turismo.

Inter la 3 kaj 6 majo okazos en Kraków la IIIa Balneologia pola Kongreso, ligita kun Turista kongreso. La organizantaro de tiuj ĉi kongresoj estas favora por nia movado kaj oficiale invitis Krakowan Societon „Esperanto" partopreni en la Kongreso. Kompreneble nia devo estos elprofiti tiun ĉi okazon por propagando de nia movado, kaj tial la Societo elektis samideanon Medrkiewicz, samtempe posedanton de banloko Slawinek en rusa Pollando, por prepari paroladon pri temo: Esperanto en servoj de turismo kaj banlokoj. Por ke la parolado estu efika kaj konvinka necesas posedi multe da broŝuroj, gvidlibroj, priskriboj, reklamoj kaj ĝenerale tutan literaturon, kiu rilatas al turistaj kaj banlokaj aferoj. Tiu ĉi materialo estos elmontrita kaj disdonita al partoprenantoj de la kongreso. Sendube propaganda efiko de tia okazintaĵo estus tute kontentiga.

Tial mi turnas min al ĉiuj samideanoj kun varmega peto, ke ili bonvolu alsendi en plej baldaŭa tempo konvenan materialon koncernantan turismon kaj banlokojn.

## Poŝtkartoj ilustritaj.

S-ro Foldes de Gutori, apotekisto en Arad (Hungario) aprobanto de nia ideo, donacis al nia grupo 15.000 ilustritajn poŝtkartojn pri nia urbo. Ili estas dekduspecaj; ĉiuj havas Esperantan surskribon. Tiuj ĉi poŝtkartoj baldaŭ estos dissendotaj laŭeble por ĉiuj samideanoj tra la mondo.

Ni petas ĉiujn samideanojn, kiuj estos jam ricevintaj poŝtkartojn, ke ili bonvolu sciigi nian grupon pri adresoj de aliaj Esperantistoj, por ke ni povu sendi ankaŭ al ili.

D-ro *A. Vegh*, Del., Arad (Hungar.)

# Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj de nia administracio pri finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**En la landoj, kie tio estas ebla, ni enkasigas la reabonojn per poŝtrepagoj. En Rusujo, S-ro SZABUNIEVICZ, Del., Moskvo, estas rajtigita de ni por sendi tiujn poŝtrepagojn.**

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* Pl = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AMIENS ((Francujo, Somme). — S-ro G. Hesse, 82, rue Vulfran Warmé, PM.

AMIENS (Francujo, Somme). — S-ro Robert Souday, 116, rue des Corroyers. Pl., PM., L.

ANTOFAGASTA (Ĉilio). — S-ino Rosa Bravo, Casila 354, PM.

BERLIN N. 65 (Germanujo). — S-ro Arthur Kleinow, Utrechter-Str. 21/II, Pl. (kun negermanoj; precipe per Esp. stenografio laŭ Stolze-Schrey).

BOXTEL (Nederlando). — F-ino Maria Jurgens, Bosscheweg, PM. (kun ĉiuj landoj).

BRUSELO (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, poste restante Nord, Pl., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUDAPEST (Hungario). — S-ro K. Möller, arkitekto, Pl., bfl, PM. (precipe eŭropaj).

BUDAPEST (Hungario). — S-ro Emerico Nagy, V. Szabadsag-ter 8, L. (pri fotografado).

BUDAPEST (Hungario). — S-ro Josef Böhm, X. Apaffy-utca 40., L., Pl., PM.

BUKAREŜTU (Rumanujo). — F-ino Adelaide Jacobescu, studentino, str. Golesti 10, Pl.

CANNSTATT-STUTTGART (Germanujo). — S-ro Ernst Fischer, Pfeifferstr. 7, Pl., bfl. (kun ĉiuj landoj).

CANNSTATT-STUTTGART (Germanujo). — S-ro Paul Ruoff, Glockenstr. 12, Pl., bfl. (kun ĉiuj landoj).

CHATEAU-THIERRY (Francujo, Aisne). — S-ro Georges Delanoue, Del. de UEA, PM., Pl., L. (kun ĉiuj landoj, deziras interŝanĝi PM).

GENOVA (Italujo). — 60 lernantoj de la urba teknika lernejo deziras korespondadi. Adres: Corso di Esperanto, Scuola tecnica serale Baliano, Genova.

GUSSOLENO DI SUSA PER BRUZOLO (Italujo). — S-ro Johano Martoglio.

ISERTHAL (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Rudolf Tulak, Pl. (kolorajn vidaĵojn kaj naciajn kostumojn).

KARATUZ (Rusujo, Enis. gub.) — F-ino Nadino Sisina, instruistino, Pl.

KARATUZ (Rusujo, Enis. gub.). — S-ino L. J. Ŝevĉugova, Pl.

KLADNO (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro O. Koĉi, Prez. de la I. Esp. Klubo „Zamenhof", (kun partoprenontoj de la Deka, precipe parizanoj; interŝ. ĉiun malnovan esp. gazeton kontraŭ bela ekspozicia fotogr.).

LAUBAN (Germanujo, Silezio). — S-ro Fr. Krause, serĝento, 5. Kompanio Infanteria Regimento No 19, PK. (kun ĉiuj landoj).

LEIPZIG-SELLERHAUSEN (Germanujo, Saksujo). — S-ro Wilhelm Bormann, Paulinenstr. 13/IV, Pl.

LE MARS (Usono, Iowa). — S-ro Charles D. Ray, D. O., Pl. (kun ĉiuj landoj).

LIMOGES (Francujo, Haute Vienne). — S-ro Albert Moreau, bibliotekisto de la Junula Grupo, 16, rue des Petits-Pousses, PM.

LIMOGES (Francujo, Haute Vienne). — S-ro Gustave Goetschel, 32, rue du Clocher, PK., PM.

MISKOLC (Hungario). — S-ro Jenö Ferber, Hunyady-u. 25, Pl. (kun ĉiuj landoj).

MISKOLC (Hungario). — S-ro Sandor Hallgato, Jokai-u. 1. Pl.

MONTBÉLIARD (Francujo, Doubs). — S-ro Pradeloux, 44e de ligne 7e Cie., Pl., PK.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro V. Belov, Petrovsko-Razumovskoe, studento de Moskva Agronomia Instituto, Pl. (nur karakterizantajn la disvolvon, la bonfarton kaj la vivmanieron de la lokaj malgrandaj terkulturistoj).

NEIŜABUR (Persujo). — S-ro Mamikon Mirzajan L., PK., bfl.

NEW-YORK (The Bronx, N. Y., Usono). — S-ro Creston C. Coigne, 2627 Webster Ave. (kun psikologoj pri nenorma psikologio, hipnozo, sonĝoj k. s.).

ODESSA (Rusujo). — S-ro A. Tertus, Rizovskaja 36, PK., L. (kun ĉiuj landoj).

PALMA DE MALLORCA (Hispanujo, Son Sardina). — S-ro Jaime Busquets Muset, studento, Pl., bfl. (kun ĉiuj landoj, precipe kun fraŭlinoj; ankaŭ interŝanĝas PM.).

PARDUBICE (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Rudolf Vondra, Pl. (kun ĉiuj landoj).

POITIERS (Francujo, Vienne). — La fraŭlinoj kaj fraŭloj de „Esperantista Junularo" deziras konstantan korespondadon kun ĉiuj landoj. Sin turni al la prezidanto: S-ro Gaston Lelarge, studento, 44, rue de la Cathédrale, Pl., PM., L., bfl.

POLA (Aŭstrio, Istrio). — S-ro Emilo Halounek, maristo, S. M. S. Zrinyi Pl., PM., bfl. (kun ĉiuj landoj krom Aŭstrio).

PORTSMOUTH (Anglujo). — F-ino Furneaux, 31, Montgomerie Rd., Pl.

PRAHA II (Bohemujo). — S-ro K. Bohaĉ, bankoficejo, 4 Jenŝtejnska str., L., Pl., PM., bfl. (krom Esperante korespondas ankaŭ angle, germane kaj boheme).

PRAHA-VINOHRADY (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro F. Baloum, Manesova ul. 57, Pl.

PROSTEJOV (Aŭstrio, Moravio). — S-ro R. Fridrich, profesoro, ulice Rejskova 10, (kun samideanoj el malgrandaj, precipe subpremataj nacioj: baska, dana, estona, finna, flandra, galicia, greka, irlanda, kataluna, kimra, litova, lohiŝa, lujica, serba, skota, slovena, ukraina ktp.

SCHLESIENGRUBE (Germanujo, Silezio). — S-ro August Dudek Gutsstrasse 33, Pl., L., bfl. (kun ĉiuj landoj).

SCHVENTAL (Rusujo, Ĥers. gub.) — S-ro Karl Georg Frej, privata instruisto, poscht, otd. kronau., L., PK. (kun ĉiuj landoj).

SIDI ABDALLAH O. M. (Tunizio). — S-ro René Béchade.

SIDI ABDALLAH O. M. (Tunizio). — S-ro Emile Gougeat, (kun ĉiuj landoj).

SIDI ABDALLAH O. M. (Tunizio). — S-ro Désiré Michel. Pl., bfl.

SMYRNE (Azia Turkujo). — F-ino A. Joanides, Deutsche Post Box 133, L., PK., Pl, PM., bfl. (kuriozajn vidaĵojn).

ST-CHAMOND (Francujo, Loire). — S-ro Jozefo Gouzy, 9, Avenue de l'Hôtel-de-Ville (kun gemuzikistoj).

ST-DENIS (Francujo, Seine). — S-ro Abel Langy, 13, Place Thiers.

ST-OMER (Francujo, Pas-de-Calais). — 50 junuloj deziras korespondi. Adresu la unuan karton al S-ro Delezoide instruisto, 59, rue Guillaume Cliton, St-Omer.

SAN VISENS DE TORELLO (Hispanujo). — S-ro Petro Puigbo, Plaza 8, Pl., L. (kun ĉiuj landoj).

TORELLO (Hispanujo). — S-ro Mariano Casa, str. Nau 74, Pl. L. (kun ĉiuj landoj).

TORELLO (Hispanujo). — S-ro José Vila, Fabrika C. C. V., Pl., L. (kun ĉiuj landoj).

TORELLO (Hispanujo). — S-ro Petro Casas, str. Carrera 36, Pl., L. (kun ĉiuj landoj).

TORELLA (Hispanujo). — Fratinoj Dalmau, str. Ample 5, Pl., L. (kun ĉiuj landoj).

UJPEST (Hungario). — S-ro Zoltano Bencsik, Nyar-utca 1, PM., PK.

UNGVAR (Hungario). — S-ro Sprie Samuel, Pl. (sufiĉa adreso Spire, Ungvar).

VERNY (Azia Rusujo, Semireĉenskoj). — S-ro J. Fjodorov, Kaznaĉeskaja, d. Penkovskoj, Pl., L.

VILNA (Rusujo). — S-ro Ludoviko Makovski, Librejo de V. Makovski, Pl. (nur kolorajn naciajn) kostumojn kaj tipojn de junaj fraŭlinoj kaj knabinoj).

WANDSBECK APUD HAMBURG (Germanujo.) — S-ro Aug. Brüggemann, Bramfelderstr. 42, PM., Pl. (sendos belajn Pl. kontraŭ PM. uzitaj).

WIEN VIII (Aŭstrio). — S-ro Voclav Stary, bankoficisto, Lederergasse 37, III-18, PM., PL. PK., L., bfl, (kun ĉiuj landoj, pri diversaj temoj).

ZÜRICH (Svisujo). — S-ro Julius Bülow, Kinkelstr. 5, Pl., bfl. (kun ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AGENTECOJN por ĉiuj landoj prizorgas samideano, nomas devenojn ktp. Senpage, nur unu respondkup. Postlagerkarte 93, Berlin SO. 26.

ATENTU KOMERCISTOJ. — Granda Esperanta komerca firmo, fondita en 1860 de S-ro Diako Diakov, en Haskovo, Bulgarujo, aĉetas kaj disvendas tabakon „Balkano." Ĉiam granda provizo de malnovaj bonegaj tabakoj.

BELA MONDO, 2 volumojn, verde binditajn, deziras vendi S-ino M. Hankel, Nicolaistr. 18. Prezo Sm. 22.

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Francujo.

ĈIUJ SPERTAJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke dum festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo nek ŝaŭmanta aŭ neŝaŭmanta vino, nek brando nek biero aŭ alia alkoholaĵo estas necesaj. La vera ĝojo devenas el profundo de l' koro kaj ne bezonas instigilon tiel danĝeran kiel la alkoholo. La kutimo festi trinkante estas kaŭzo de multnombra malfeliĉo.—St.

ĈIUJ PERSONOJ, kiuj intencas veni al Kalifornio por viziti aŭ por vivi, estas petataj skribi siajn informpetojn al la suba adreso. Ĝenerala informo pri la Panama-Pacifika Ekspozicio kaj la samtempe okazonta Tut-Pacifika Esperanto-Kongreso estas senpage donata. Berkeley Esperanto-Societo, 1151 Oxford St., Berkeley, Kalifornio, Usono. 4

ESPERANTISTOJ LEGU ATENTE! Ĉu vi volas ŝpari monon? Se jes, kiam vi deziras aĉeti kian ajn komercaĵon francan, turnu vin al la firmo Remy kaj K-io. Ĝi profitigos vin je parto de diskonto ricevota de la fabrikistoj pri ĉiuj artikloj. Skribu petojn (kun respondkupono) al Remy kaj K-io, Komerckonsulo de UEA, Boîte 450 (poŝtkesto), poste centrale, Paris.

FILATELISTOJ. — Dek aŭ pli multe da diversaj aŭstriaj jubileaj poŝtmarkoj interŝanĝos A. Ptaĉovsky, Lorecka ul., Kutna Hora, Aŭstrio, Bohemujo.

GERMANA ESPERANTISTINO kun bonaj atestoj serĉas oficon por eduki infanojn. Ŝi instruas pianoforton kaj kantarton, ŝi ankaŭ scias la anglan kaj francan lingvojn. Oni bonvolu sin turni al S-ino M. Hankel, Dresden, Nikolaistr. 18.

GVIDLIBRETO tra Château-Tierry, Francujo, Aisne. — Jus aperis gvidlibreto tra la urbo, kie naskiĝis la mondfama fablisto La Fontaine. Gesamideanoj, skribu per poŝtkarto al S-ro Georges Delanoue, Delegito de UEA, 2, rue Drugon-Lecart, Château-Thierry, kaj vi tuj ricevos senpage tiun 16-paĝan broŝureton belilustritan.

GRUPOJ, SOCIETOJ, sendu poŝtmandaton aŭ ĉekon de 1 Spesmilo al „Eldonejo Esperantista", adreso: J. van Dam, Kanaalstraat 38, Amsterdam, Nederlando, kaj vi tuj ricevos 1 ekz. *Lerno-Ludo'n* Esperantan; demandaro kaj respondaro, la plej bona lernilo kaj amuzilo por kursoj kaj konversaciaj vesperoj. Al ĉiu mendonto estos ankaŭ sendota Pl. kun jubilea poŝtmarko. 8

INTERESEGA kaj ridiga verko. — Baldaŭ aperos karikatura bildaro kiel broŝuro sub titolo „Malfeliĉa historio de fama Moskva sigelmark-kolektanto". Ĉe S-ro karikaturisto Petro Sizoff, Poŝtkesto 12, Saratov, Rusujo. 2

ITALAJ POŜTMARKOJ. — 30 diversaj italaj PM. Sm. 0.40 afrankite; 50 diversaj Sm. 1.—; 5 diversaj ŝtataj poŝtkartoj (neilustritaj) Sm. 0.30, afrankite. Rekomendo 10 sd. pli. A. Reni, Viale Spolverini, 22, Verona, Italujo. 2

LA BLOIS'AJ ESPERANTISTOJ estas je la dispono de la alilandaj Esperantistoj, kiuj trapasos Blois antaŭ aŭ post la Deka Kongreso. Oni sin turnu persone aŭ letere al: S-ro Faucher, 12, rue du Déversoir; S-ino Etienne, 79, rue Bourg Neuf; F-ino Bridel, 11, Quai du Foix; F-ino Feuillard, 8, rue des Ecuries du Roy. 2

LIBREJO „ESPERO", Hago, Nederlando, proponas je plej akceptebiaj prezoj la jenajn jarkolektojn: Ia kaj IIa Tra la mondo (binditaj); IIa La Revuo (maloftaĵo, en kajeroj); XIIa, XIIIa kaj XIVa Lingvo Internacia (en kajeroj).

MI DEZIRAS AĈETI: Lingvo Internacia, jarkolekton 1899; Esperantisto (Nürnberg) Februaro, Aprilo 1905. Mi povas vendi ekzemplerojn de 120 Esp. jurnaloj. Listo kontraŭ respondkupono aŭ Ĉekbanka transpaglio sd. 10. H. T. Bailey, 87 Chancery Lane, London.

PENSION-LERNEJO: 17 St. Stephen's Square, London W, D-ro O'Connor. M. A. P. D-ro. Prospekto senpage.

REPREZENTADO. — S-ro Alekso, Popov komercisto, Vicdelegito de UEA, Batak, Peŝtersko, Bulgarujo, deziras reprezentadi fabrikojn de terkulturaj tabulsegaj k. c. maŝinoj, kaj instrumentoj. Mi donas garantion, se bezone. Oni sendu katalogojn ktp. Aŭstrio preferata.

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto", Lubjanski pr. 3, Moskvo.

TESTUDOJ, gardantoj kontraŭ la insektoj en la ĝardenoj. Du belaj testudoj kontraŭ poŝtmandato de Sm. 2.500 por Eŭropo; ekster Eŭropo oni aldonu la poŝtelspezojn. Adreso: H. Manson, Librejo Esperanto, Ferryville (Tunizio).

**„GNOM“, plej malgranda raza aparato**



(Vera grandeco)

el bonege **nikelita** kaj **polurita metalo.**

La aparato, oportune portebla en la **veŝtpoŝo** havas **dupartan,** forte **arĝentitan tenilon** kaj estas liverata kun du klingoj.

Prezo: **Sm. 1.750,** afrankite ĉien post ricevo de la pago.

**REINHOLD KETELHUT, Berlin S.W. 11,** Halleschestr. 13.

(Kasisto de la Esperantista Societo Merkur.)

---



**Belega fingro-ringo**

**kun verda Esperanto-stelo**

**1,300 Sm** el pura arĝento [Ep. 800]
**2,000** „ same sed orumita

(afrankite ĉiulanden, garantio je ĉiu peco!)

Por ricevi ĝustan grandon de la ringo, bonvolu sendi mezuron, diametro je milimetroj; alie longo, mezurata per ŝnureto, laŭ diko de la fingro. Pago per poŝtmarkoj aŭ transpagilo. — **GEORG REINER, Berlin-Rummelsburg 7.**

---

# L. F. KAHAN

**BERLIN S.O. 26**

Dresdenerstrato 5

**Reprezentanto de Krautwurst & Link**

**Fabriko por: Metalaj numeromaŝinoj, poŝto-stampoj kaj stampo-kusenoj.**

Por: **Presejoj Paperejoj Bankoj**




Por: **Poŝtaj kaj Fervojaj oficejoj**

Oni nepre postulu la katalogon senpagan.

**En ĉiu lando mi serĉas reprezentantojn kaj agentojn.**

---

**Georg F. Kiefe, Lübeck, Postfach 51, (Germanujo).**

Komerca entrepreno, pli ol 25-jara praktikado. Informejo, Agentejo, en- kaj eksporto. Kontulo de Ĉekbanko.

---

**Franco,** 36-jara, agema, bonegaj edukiteco kaj instruiteco, deziras en Francujo aŭ fremdlando oficon, prefere kiel sekretario aŭ korespondisto. Li scias redakti, konas la kontregistradon. Por referencoj sin turni al Kapitano Martin, 112e Régiment d'infanterie, Antibes, Francujo.

---

# HOLDEN FRATOJ

liveras Botojn, Ŝuojn, Sandalojn, Pantoflojn, Kaŭĉukajn Ŝuojn, Ŝtrumpojn kaj Ŝtrumpetojn. Ĉiuj ekskluzive laŭ la tipo „Naturformo“



**HOLDEN FRATOJ**

**3, Harewood Place, Oxford Circus, London W.**

Katalogoj senpage. Oni parolas Esperante.

---

La artefarita




BERLIN NW 6, Luisenstr. 51.
Oni parolas esperante!

**Nova kuracmetodo!**

Por malsanoj de la asimilo, de la sango kaj por malsanoj de la koro kaj de la nervoj k.a. Oni mendu prospektojn esperantajn (senpage) aŭ broŝureton (20 Sd.). — DU FAKKURACISTOJ. Direktoro: D-ro BREIGER.

---

La viroj, kiuj deziras esti sanaj, sendu sian adreson al „Komerco“, Lodz, Rusujo, Polujo, Konstantinovska 49, kie ili ricevos senpagan konsilon.

---

**Por la Skribtablo**




**Inko Pelikan**

**Agrable facilfluanta**

**Postulu prospekton esperantan kaj senkostan specimenon de la fabrikanto GÜNTHER WAGNER Hannover [Germanujo] kaj Vieno [Aŭstrio]**

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO